# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto :** H. Hodler. †
**Redaktoro :** D-ro Edm. Privat.
**Direktoro de UEA :** Hans Jakob.

**Adreso : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO :**



**XXX-a Jaro N° 403**

**MARTO 1934**

# Enhavo de nia lingvo

Antaŭ nelonge mi relegis la esperantan libron de la konata pedagogo Adolphe Ferrière : *Estonla Eduko*. Per trafaj kaj tre klaraj vortoj li helpas instruistojn kaj familiestrojn kompreni la naturon de l'infanoj kaj elekti la plej taŭgan vojon por ilin eduki sukcese. Pri similaj temoj la psikologiistoj Pierre Bovet kaj Charles Baudouin publikigis ankaŭ esperantajn verkojn.

En sia fako profesoro Collinson verkis en Esperanto bonegan klarigilon pri lingvoscienco. « Ne forlasu nin por la franca lingvo ! Servu Esperanton per nova verko ! » Tiel skribis hungaraj amikoj antaŭ nelonge.

Prave. Tute prave. Fidele ĉiujn vesperojn de la vintro mi nun uzas por verki en nia lingvo libron el multjara observado pri araj sentoj kaj reagoj de popoloj. Kiel obeema lernanto mi danke sekvas la konsilojn de tiu modela « Filozofia vortaro », de D-ro Kamaryt, admirinda kolekto de klarigoj en kristala lingvo.

Multaj aliaj el ni klopodis alporti en Esperanton iom de tio, en kio ili specialiĝis ekstere en sia propra nacilingvo. Sed ankaŭ multaj ne faris tion. Kial ?

Bonvolu kompreni la kaŭzon kaj momente vin meti mem en la haŭton de la aŭtoroj, kiujn vi instigas. Ĉu vi subtenas ilian paciencon kaj la kuraĝon de la eldonistoj ? Ĉu la esperantista publiko estas preta ion fari por disvastigi tiajn riĉigojn de nia literaturo, kiaj estas esperanta libro de Ferrière aŭ Kamaryt ?

Antaŭ nelonge sciencisto, kiu eldonis rimarkindan libron en nia lingvo, skribis por plendi, ke li perdis, ne nur la tempon, sed ankaŭ la monon spezitan por presado. Tie kuŝas io ne tute justa.

Profiton el esperantaj libroj neniu atendas, sed almenaŭ ne perdon kaj impreson ĉe la ekstera specialisto, ke li fuŝis sian tempon kaj estus pli utile uzinta la horojn kaj la monon verkante pluan libron en gepatra lingvo.

Estu permesate atentigi la esperantistojn, ke ni turniĝas tie en senfina rondo. Unuflanke nia lingvo nur allogas eksterulojn per la valoro kaj amplekso de ĝia enhavo. Aliflanke tiu valoro kaj amplekso nur kreskas se ni kuraĝigas eksterulojn partopreni en ties riĉigo.

Se ni uzas Esperanton nur por paroli pri ĝi mem, se ni sukcesigas nur tiujn librojn pri ĝia historio aŭ ĝiaj internaĵoj, tiam ni ne sufiĉe helpas baldaŭigi la tempon de ĝia efektiva utiligo je servo de la homaro.

Dirinte tion al afablaj Moŝtoj-legantoj, ni tamen aldonu rimarkon al humilaj sklavoj-aŭtoroj : ili ne malkonsideru la efikon de eldono en Esperanto. Ne dekmilojn da legantoj ĝi tuj havigas amase en unu lando, sed malgrandan kvanton da interesatoj en tre multaj diversaj partoj de la mondo.

Kiu ne celas monan rezultaton, sed disvastigon de pensoj, tiu per Esperanto povas atingi tuj tre internacian publikon, eĉ kaŭzi artikolojn en granda nombro da lingvoj. Tion ni spertis el ĉi tiu gazeto ĉiufoje kiam ni enpresis ion sufiĉe interesan, ne pri Esperanto mem, sed pri eksteraj temoj. Same povus okazi pri libroj kun la kunlaboro de legantoj. Esperanto jam estas uzebla potenco.

Edmond Privat.

# D-ro Leono Zamenhof

La lasta frato de nia Majstro ne plu estas inter ni!
*Angina pectoris!*
La samaj vortoj! La sama sorto!
La lasta kolono de la plej nobla frataro estas dehakita.
La fiero de Kongresoj, la apogo de la pola Esperantistaro, la dignulo Leono Zamenhof ne vivas plu.
La Apostolo de la « Interna Ideo », la *Inda frato de nia majstro* forlasis niajn vicojn por ĉiam.

*** Leono Zamenhof estis plej fidela disĉiplo de sia frato, nia Majstro. Naskita la 31.X.1875 en Varsovio, li studis en la sama gimnazio, kie Ludoviko kaj en la sama universitato, nur kun alia specialeco (laringologio), kaj instaliĝas por ĉiam en Varsovio. En 1905 li servis dum la japan-rusa milito kiel kuracisto kaj pasigis pli ol jaron en Mandĵurio. En 1906 li revenas Varsovion kaj komencas ree sian regulan praktikadon en hospitalo kaj private.

En 1909 li edziĝas kun F-ino Leokadja Warszawska, fidela akompanantino en la vivo.

De frua juneco Leono sentis grandan amon al literaturo. Per tio klariĝas lia senlaceco je verkado de poeziaĵoj kaj tradukado de altvaloraj polaj poeziaĵoj: Aspazio de Swietochowski, Protesilas kaj Laodamia de Wyspianski, verkoj de Rejmont kaj aliaj). Krom tio, kiel longjara redaktoro de Pola Esperantisto li pliriĉigadis nian literaturon per multaj verkoj kaj verketoj. Pleje de li ŝatata estis la laboro sur la kampo de soci-etikaj demandoj. Li siatempe multe verkadis pri la koloniigado hebrea en Sudrusujo. Krom tio li verkis broŝurojn pri aliaj etikaj demandoj (pri egaleco kaj justeco, pri etiko en medicino, reformoj en hospitaloj). Laste en la loka gazetaro li tre aktive parto prenadis en la pristudado de la plej aktuala demando, la judoj en Germanujo, vekante veran admiron por sia profunda kaj noblekora pensmaniero. Speciale menciinda estas la de li eldonita granda verko (en pola lingvo): Historio de medicino, kun biografioj, aforismoj kaj anekdotoj.



Kiel plej specialan lian — kaj karakterizan! — meriton ni citu ke li estis la fondinto de la intern-idea movado s.t. « Konkordo ». En N-ro 14 de Esperanto Triumfonta (nuna Heroldo de E.) li publikigas epokan alvokon: « La Korpo kaj Animo de Esperanto ».

La familio, aŭ pli ĝuste la frataro Zamenhof, kvazaŭ unu homo, senescepta havis kulton por la ideo de konkordo, por la ideo de unuiĝo kaj reciproka amo. Kaj el tiuj hom-amegantoj, plej intensan aŭemon evidentiĝadis Leono. Plene liaj agoj justigis do la pri li en Galerio de Zamenhofoj skribitan fin-frazon: *Inda frato de nia majstro.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La entombigo de Leono Zamenhof okazis dum hela suna tago — io tute eksterordinara por la Zamenhofaj funebroceremonioj — vendrede, la 9-VII.34 je 13 h. Refoje falis sur min la malĝoja honoro gvidi la funebran okazaĵon. En ĉeesto de amasego da homoj — inter kiuj pleje evidentiĝadis la kuracista mondo el Varsovio — la ĉerko kun la korpo de Leono Zamenhof estis portita al hebrea tombejo. La kantoro de l'Varsovia ĉefsinagogo S-ro Szermann komencis la religiajn kantojn kun sia ĥoro. La veturileto haltis. Apud ĝi estis starigita tribuno, sur kiu reprezentantoj de diversaj institucioj adiaŭis sian kunfraton.

En la nomo de surd-mutuloj, adiaŭis Dr. Meierson.
De la Societo de Kuracistoj de la Pola Regno — Dr. Milejkowski.
De la Estraro de Kuracista Helpo — Dr. Higier.
De la Kaso de Reciproka Helpo — Dr. Flanc.
De la Varsovia Esperantistaro — S-ro Strelczyk.
De P. E. D. — Redakt. Uziemblo.
De Konkordo (la solan esperantlingvan paroladon) aŭdigis F-ino Dr. Paŭlino Muszkatblat.
En la nomo de UEA kiel ankaŭ de la Lingva Komitato adiaŭis sian Kolegon LK-anon, Sano Wiesenfeld.

*Esperantista Lingva Komitato Akademio.*
35, rue du Sommerard, Paris 5e.

Parizo, Januaro 1934.

La Akademio ĵus decidis plisimpligi *la metodojn nun uzitajn por elekti la Lingva-Komitatanojn.*

Laŭ la nuna regularo, la Akademio, por starigi liston de kandidatoj, devas peti opinion de la « koncernaj » naciaj asocioj de propagando, t.e. tiuj de la kandidatoj; nu, plenumi tiun devon estas tre malfacila — pri tio jam plendis Prof. *Cart* —, ĉar la Akademio havas neniun oficialan rimedon sciiĝi pri tiuj ĉi asocioj.

*Granda plisimpligo estus alpreno de la sekvanta metodo*; sed, por tio, necesas konsento de la naciaj asocioj kaj de Universala Esperanto-Asocio. Aliparte *mi ne dubas pri tiu konsento*, ĉar, per negrava plua peno, ili ŝparos longan, malfacilan kaj tedan taskon al la estraro de la Akademio, kiun ĝi ne kapablas kontentige plenumi. Jen estas tiu ĉi nova metodo.

1) *Ĉiujare, en la lastaj semajnoj de decembro, listo de kandidatoj estos sendata de ĉiu nacia asocio, aŭ de U.E.A. (Sekcio de Eksteraj Aferoj), al la sekretariejo de la Lingva Komitato.*

La Universala Esperanto-Asocio ludos la rolon de nacia asocio pri la lingvoj, en kies lando ne estas nacia asocio, kaj laŭkaze solvos la malfacilaĵojn devenantajn de ekzistado de kelkaj naciaj asocioj en la sama lando. Ni do nur parolos pri naciaj asocioj.

Estas dezirinde, ke la nombro da kandidatoj estu almenaŭ egala je tiu de la L. K.-anoj, reprezentantoj de la lingvo de la nacia asocio,

*a. Kiuj eliros la sekvantan jaron*, ĉar finiĝas ilia naŭjara periodo de aneco (ili estos facile troveblaj en la jarlibro de la Lingva Komitato, paĝoj 24-27);

*b. Kiuj propravole eksiĝis* (ili sciigos pri tiu ĉi decido la nacian asocion de sia lando, samtempe kiel la prezidanton de la Lingva Komitato);

*c. Kiuj mortis dum la pasinta jaro.*

Nacia asocio povos ankaŭ proponi kandidaton por *plia posteno* de sia lingvo (La Akademio starigis racian laŭlingvan konsiston de la Lingva Komitato, kiel gvidilon por siaj elektoj. Sed ĝi ne malebligas elekton de plia reprezentanto de iu lingvo, se estas pruvita lia escepte rimarkinda kompetenteco).

2) Por starigi tiun liston, la nacia asocio:

*a. demandos la L.K.-anojn, reprezentantojn de sia lingvo*, elirantajn, ĉar finiĝis ilia naŭjara periodo de aneco, ĉu ili sin prezentas por reelekto;

*b. uzos la proponojn ricevitajn dum la pasinta jaro* (Tiuj ĉi proponoj povos esti prezentataj ne nur, kiel nun, de la esperantistaj asocioj kaj grupoj, de la Lingva-Komitatanoj kaj anoj de aliaj altaj esperantaj institucioj, sed pli *de kiu ajn esperantisto, kiu rajtas prezenti sin mem.* Tiuj ĉi proponoj povas esti sendataj, je kiu ajn dato, *al la nacia asocio de la kandidato* (tamen la proponoj ricevitaj post la 1 decembro de ĉiu jaro ne estos utiligataj por la elektoj de la sekvanta jaro). Al ĉiu propono devos esti kunigata *deklaro subskribita de la kandidato* (ekzemplero de tiu ĉi deklaro estas ricevebla laŭ peto al la sekretariejo de la Lingva Komitato).

3) Kune kun la listo de la kandidatoj prezentataj de si, ĉiu nacia asocio sendos *liston de la aliaj kandidatoj*, pri kiuj ĝi ricevis proponojn. Al tiuj du listoj estas kunigotaj la deklaroj, subskribitaj de la kandidatoj. Laŭkaze la Akademio atentigos nacian asocion pri kandidato neelektita de ĝi, kaj kies titolojn la Akademio opinias rimarkindaj.

---

Antaŭvidante vian konsenton pro la motivoj, kiujn mi klarigis komence, mi petas la gazetaron, ke ĝi sciigu la esperantistojn pri aplikado de tiu metodo, dum la jaro 1934, por preparo de la elektoj de 1935.

La Prezidanto:
M. Rollet de l'Isle.

---

La Kantoro rekomencas la kantojn, la funebra ceremonio ekmarŝas. En la komenco iras kvarope la surd-mutaj lernejanoj kun siaj edukistoj. Poste formas grupon la kuracistoj. La kantoro kun ĥoro, la veturilo, puŝata de Esperantistoj kaj sekvata de la familianoj, fine la publiko. Aparta veturilo transportis tre multajn florkronojn kun belegaj diverskoloraj rubandoj de diversaj organizaĵoj.

Preterpasante la tombon de Ludoviko Zamenhof la procesio haltas. Ne malproksime de sia frato kuŝas Leono Zamenhof (apud Felikso).

La entombigistoj lasas en muta silento la ĉerkon en la teron. La familio senpense observas. La filinoj apenaŭ sin tenas sur la piedoj kiuj ĉiumomente sin klinas... La edzino ne ĉeestas pro malsano.

Ankoraŭ unu adiaŭdiro: D-ro Boleslaw Muszkatblat en la nomo de la Lernejo de surdmutuloj.

La ceremonio finita. La du orfinoj ne povas sin movi. Kun granda peno la familianoj fortiris ilin de la freŝa tombo.

Kaj la suno brilis... Kaj la vivo daŭras... Nenio ŝanĝiĝas...

Edvardo Wiesenfeld.L.K.

# BILDPAĜO ESPERANTISTA




PARTOPRENINTOJ ĈE LA DATREVENA KONGRESO DE JUNNANA ESPERANTO ASOCIO
× S-RO CHANG CHIN CHIN, DEL. DE UEA

## El fora Oriento kaj Sudo



5-A NOVZELANDA ESPERANTO-KONGRESO
26-28 DEC. 1933
WELLINGTON.

*(Raporto aperos en la venonta numero.)*

## Esperanto en Palestino



KUNVENO ESPERANTISTA EN JERUSALEM.

*Legu la raporton sur paĝo 45.*

# Literaturo

## Danĝere rajdi amatore

**Humoraĵo de Dickens. El "Pickwick Papers".**

Kun siaj tri amikoj, en hotelo de Rochester, Sinjoro Pickwick sidiĝis al matenmanĝo. Ovoj, ŝinko, teo, kafo kaj aliaj bonaĵoj ekmalaperis kun rapideco atestanta pri la kvalito de l' manĝaĵoj kaj pri l' apetito de la konsumantoj.

« Nu, pri *Manor Farm* », diris Sinjoro Pickwick. « Kiel ni veturos tien por viziti nian invitanton ? »

« Ni demandu la kelneron » proponis Sinjoro Tupman, kaj estis tuj vokata la kelnero por informiĝo.

« Apud *Dingley Dell*, Sinjoroj — dek kvin mejlojn, sinjoroj — malrekta vojo — poŝta veturilo, Sinjoro ? »

« Poŝta veturilo entenos nur du », diris Sinjoro Pickwick.

« Ja vere, sinjoro — pardonu, Sinjoro — tre bona kvarrada veturilo, Sinjoro — sidejo por du malantaŭe — unu antaŭe por la Sinjoro kondukonta — ho, pardonu, Sinjoro — ĝi nur entenos tri. »

« Kion fari ? » diris Sinjoro Snodgrass.

« Eble al unu el la Sinjoroj plaĉus rajdi, Sinjoro ? » proponis la kelnero kun rigardo al s-ro Winkle, la sportulo el la kvar ; « tre bonaj ĉevaloj, Sinjoro — iu el la servistoj el *Manor Farm* povus ilin rekonduki ĉi tien venante al Rochester. »

« Bonega ideo », diris Sinjoro Pickwick. « Winkle, ĉu vi rajdos ? »

Sinjoron Winkle ja turmentis gravaj duboj en la profundaĵoj de la koro pri la propra ĉevalrajda kapableco ; sed, ĉar li ne volus (por nenio en la mondo !) ke oni povu eĉ iel ajn suspekti tion, li tuj respondis kun granda braveco : « Nu, certe, mi tre ŝatus tion, pli ol ion ajn ».

Tiel Sinjoro Winkle sin ĵetis al propra fatalo ; jam ne estis elirvojo.

« Ili staru ĉe la pordo je la dekunua ! » ordonis s-ro Pickwick.

« Tre bone, Sinjoro », respondis la kelnero.

Foriris la servisto ; finiĝis la matenmanĝo kaj supreniris la vojaĝantoj al siaj respektivaj dormoĉambroj por pretigi ŝanĝvestaron prenotan kun si dum la baldaŭa ekskurso.

S-ro Pickwick jam estis fininta sian preparon kaj rigardanta trans la kurtenoj de la kafoĉambro la pasantojn sur la strato, kiam eniris la kelnero kaj anoncis, ke la veturilo estas preta. Tiun anoncon konfirmis la veturilo mem aperante senprokraste kontraŭ la ĵus menciitaj fenestrokurtenoj.

Estis stranga verda kesteto sur kvar radoj kun malalta ujo, simila al vinmezurilo, por du malantaŭe kaj altega seĝo soleca por unu antaŭe, ĉio tirata de granda bruna ĉevalego, montranta sur la dorso impresan simetrion de ostaro. Apude staris la stalknabo tenanta per brido alian ĉevalegon — videble parencon de la besto ĉe la veturilo — prete selitan por S-ro Winkle.

« Per animo mia ! » ekkriis S-ro Pickwick, starante sur strato kun la tri amikoj, dum oni enmetis la pakaĵojn.

« Per animo mia ! sed kiu kondukos ? Pri tio mi eĉ ne pensis. »

« Nu vi mem kompreneble », diris S-ro Tupman.

« Kompreneble », diris S-ro Snodgrass.

« Mi ? » ekkriis S-ro Pickwick.

« Ne havu eĉ la pej etan timon, Sinjoro », intervenis la stalknabo. « Mi garantias ĝin kvieta, Sinjoro. Eĉ bubo sesmonata povus ĝin gvidi ! »

« Ĝi ne estas galopema, ĉu ? » informiĝis S-ro Pickwick pro prudento.

« Galopema ? Sinjoro — ĝi ne eksaltus eĉ se ĝi ekvidus vagonplenon da simioj kun la vostoj forbruligitaj. »

Tia rekomendo estis nediskutebla. S-ro Tupman kaj S-ro Snodgrass eniĝis en la ujon ; S-ro Pickwick suprenrampis al sia turseĝo kaj surmetis siajn piedojn sur planketon almetitan sube por tiu celo.

« Nu, brila Vilhelmo », diris la stalknabo al la vic-stalknabo, « donu la rubandojn al la Sinjoro ! » Brila Vilhelmo, tiel nomita kredeble pro sia glata hararo kaj olea sinteno, metis la bridojn en la dekstran manon de S-ro Pickwick kaj la ĉefa stalknabo enmanigis vipon en lian maldekstran.

« U-ŭŭ ! » kriis S-ro Pickwick, kiam la granda kvarpiedulo montris firman emon retropuŝi en la fenestron de la kafoĉambro.

« U-ŭŭ ! » eĥis S-roj Tupman kaj Snodgrass el la ujo.

« Nur lia ludemo, Sinjoroj », diris la ĉefstalknabo kuraĝige ; « kaptu ĝin, Vilhelmo ». La vicknabo kvietigis la salteman beston kaj la ĉefo alkuris por helpi S-ron Winkle surseliĝi.

« La alian flankon, Sinjoro, bonvolu. »

« Parolo mia ! la Sinjoro estis provonta la malĝustan flankon », flustris mokanta poŝtknabo al neesprimeble plezurigata kelnero.

Tiel instruite, S-ro Winkle suprentiris sin al sia selo kun proksimume tiom da malfacileco kvazaŭ li suprenrampus la flankon de militŝipo.

« Ĉio bone ? » demandis S-ro Pickwick kun interna antaŭsento, ke ĉio iros malbone.

« Ĉio bone », respondis S-ro Winkle apenaŭ aŭdeble.

« Lasu ilin ekiri ! » vokis la stalestro, « tenu ĝin bone, Sinjoro ! » kaj for ekkuris la veturilo kaj la rajdoĉevalo kun S-ro Pickwick sur la kesto de l' unua kaj S-ro Winkle sur la dorso de l'alia por la plej granda ĝojo kaj plezuro de la tuta hotelkorto.

« Kio igas ĝin iri flanken », diris S-ro Snodgrass el la ujo al S-ro Winkle sur la selo.

« Mi tute ne komprenas kial », respondis S-ro Winkle. Lia ĉevalo paŝadis la straton en la plej mistera maniero kun la flanko antaŭe, la kapo al unu muro kaj la vosto al la alia.

S-ro Pickwick ne havis liberan tempon observi tion aŭ iun ajn detalon, ĉar tuta lia kapablo devis koncentriĝi al gvidado de la besto ligata ĉe la veturilo kaj elmontranta diversajn strangaĵojn, eble tre interesajn por ekstera ĉeestanto, sed neniel tiom amuzajn por iu, kiu sidas malantaŭ la estulo.

Krom senĉesa saltlevado de la kapo en tre malagrabla kaj malkomforta maniero kaj konstanta fortirado de la bridoj ĝis fariĝis eĉ tre malfacile ilin teni, ĝi havis ankaŭ rimarkindan emon subite ekkuri de tempo al tempo al flanko de la strato, tiam ekhalti kaj denove kuregi antaŭen dum kelkaj minutoj je rapido absolute ne plu mastrebla.

« Kion ĝi do intencas per tio ? » diris S-ro Snodgrass, kiam la ĉevalo estis jam dudekan fojon farinta la manovron.

« Mi vere ne scias », respondis S-ro Tupman. « Ĝi ja ŝajnas tamen galopema, ĉu ne ? » S-ro Snodgrass estis respondonta kiam lin interrompis ekkrio de S-ro Pickwick.

« U-ŭŭ ! » diris la sinjoro ; « Mia vipo falis. »

« Winkle », diris S-ro Snodgrass dum la rajdanto alvenis trotante sur la ĉevalego kun la ĉapelo sur la oreloj kaj skuate

per tuta korpo kvazaŭ li baldaŭ disrompiĝus pro la perforto de l'ekzerco, « relevu la vipon, bonvolu afable ».

S-ro Winkle tiregis la bridon de la ĉevalego ĝis lia vizaĝo nigriĝis kaj fine sukcesinte ĝin haltigi, li malsupreniĝis, redonis la vipon al S-ro Pickwick kaj premante la bridojn pretiĝis al resuriĝo.

Nu, ĉu la ĉevalego pro la natura gajeco de sia karaktero deziris ĝui senkulpan ripozludeton kun S-ro Winkle aŭ ĉu ekvenis al ĝi la ideo, ke ĝi povus plenumi la vojaĝon pli plezure sen rajdanto ol kun unu, tio estas punkto, pri kiu ni ne sukcesas konkludi precize. Pro kia ajn motivo ĝi agis, almenaŭ certe estas, ke, apenaŭ kiam S-ro Winkle ektuŝis la bridojn, li glitigis ilin super ĝian kapon kaj ekpaŝis malantaŭen laŭ ilia longeco.

« Brava ulo ! » diris S-ro Winkle milde. « Brava ulo, bona kara besto ! » La brava ulo estis netuŝebla per flato : ju pli penadis S-ro Winkle proksimiĝi al li, despli al alia flanko li deturniĝis ; kaj malgraŭ ĉia karesado kaj alvokado, jen ambaŭ S-ro Winkle kaj la ĉevalo rondiris kaj rondiradis unu ĉirkaŭ l'alia dum dek minutoj kaj, ĉe la fino de tiu tempo, ambaŭ staris ĝuste je sama distanco de l'alia kiel ĉe la komenco — ne kontentiga aferstato en iu ajn cirkonstanco, sed aparte tia sur soleca vojo, kie nenia helpo estas havebla.

« Kion mi do faru ? » alvokis S-ro Winkle, post kiam la rondirado jam daŭris pli longe ol decas imagi. « Kion mi faru ? Mi ne sukcesos eksidi sur ĝin. »

« Pli prudente vi gvidu ĝin tiel ĝis ni atingos vojkruciĝon », respondis S-ro Pickwick el la veturilo.

« Sed li ne volas sekvi ! » kriegis S-ro Winkle. « Venu do kaj provu ĝin teni ! »

S-ro Pickwick ja estis la personiĝo de afableco kaj homeco : li tuj ĵetis siajn bridojn sur la dorson de sia ĉevalo kaj, malsupren saltinte de sia seĝo, puŝis tre zorgeme la veturilon al barilo pro timo je eventualaj alvenoj sur strato, kaj paŝis malantaŭen por helpi la malfeliĉan kunulon, lasante Sron Tupman kaj S-ron Snodgrass en la verda kesto.

Apenaŭ kiam la ĉevalego ekvidis S-ron Pickwick alvenantan al li kun la veturila vipo en la mano, li ŝanĝis la ĝistiaman rondiran movadon je malantaŭen ekkurado tiel subita, ke ĝi tuj kaptis S-ron Winkle ankoraŭ starantan ĉe l'alia ekstremaĵo de l'brido kaj tiris lin, je rapido pli serioza ol urĝa marŝado, en la direkton al tie, de kie ili ĵus venis.

Alkuris S-ro Pickwick al helpo sed ju pli li kuris antaŭen, despli rapide kuris la ĉevalo malantaŭen. Aŭdiĝis galopado kaj piedbatado. Bloviĝis polvo en aeron kaj S-ro Winkle, kun brakoj preskaŭ elŝiritaj el ŝultroj, fine lasis for. Ekhaltis la ĉevalo, rigardegis, skuis la kapon, turniĝis kaj kviete retrotis hejmen al Rochester, lasante S-rojn Winkle kaj Pickwick unu ĉe l'alia kun okulegoj en muta konsterno.

Rada bruaĉo el proksimeco subite vekis ilian atenton. Ekrigardis ili.

« Per animo mia ! » ekkriis esperperde S-ro Pickwick, « jen l'alia ĉevalo forkuranta siavice ! »

Estis ja tro vere. La beston surprizis la bruo kaj la bridoj ja kuŝis sur lia dorso. La rezultaton vi divenas. For li ekflugis kun la kvarrada veturilo post si kaj S-roj Tupman kaj Snodgrass en la kvarrada veturilo. Ne daŭris longe la flugo. S-ro Tupman sin ĵetis en la bord'arbetojn, S-ro Snodgrass sekvis lian ekzemplon, la ĉevalo albatis la kvarradan ĉaron kontraŭ lignan ponton, disrompis la radojn for de l' korpo kaj la ujon for de l' resto kaj fine ekhaltis : jen ĝi staris tute senmove kun okuloj silente konsiderantaj la ruinaĵon faritan.

Trad. Edm. PRIVAT.

# La estonteco de la vaporlokomotivo

De Wolf ZICKLER, Inĝ.

La grandioza evoluo sur la elektra kampo kaj la ĉiam kreskanta aplikado de elektro kune kun la evoluo de aŭtomobiltrafiko signifas delonge gravan konkurencon al la vaporlokomotivoj. Kvankam la vaporlokomotivo posedas pli ol 100 jaran historion kaj plua evoluo ŝajnis ne ebla, la konstrukciistoj pro la neceseco resti konkurenckapablaj aplikis la plej diversajn metodojn. La nefakulo kaj parte ankaŭ la nespeciala inĝeniero ne povas imagi la malfacilaĵojn ĉe lokomotivkonstruado. Ekzistas devigaj limoj, precize priatentataj, — kaj tamen la lokomotivkonstrukciistoj sukcesis, altigi la koeficienton de efikeco rilate al la hejtvaloro de la forbruligita karbo de 0,1 % ĉe la malnova Stephenson's lokomotivo al 14-16 % ĉe moderna lokomotivo.

La plej grandan progreson prezentas la uzado de supervarmegigita vaporo kaj ekzistas hodiaŭ neniu moderna lokomotivo, kiu ne estas ekipita per instalaĵo por produkti tian vaporon. La profito de varmegvaporo baziĝas sur la fakto, ke pli longa ekspansio — ĉu unuŝtupe, ĉu duŝtupe ne gravas — estas ebla sen risko, ke la vaporo je la fino de la ekspansio superpaŝas konvenan mezuron de malsekeco. Ĝuste la malsekeco de la laborinta vaporo estas en la cilindroj malutila, ĉar la surpariiĝintaj akvogutetoj malvarmigas la enirantan vaporon kaj tiamaniere forprenas varmecvalorojn, kiuj nun ne plu estas transformeblaj en efektivan laboron. Krom tio, varmegvaporo malhelpas rapidan varmectransiron el de la vaporo al la parioj kaj sekve malkreskigas la malvarmigperdojn.

La moderna tekniko celas atingi kiel eble plej altan temperaturgradon de la varmegvaporo pro bona efikeco, sed la materialo kaj la lubrik-oleoj metas limon. La unu pro tio, ĉar sub la influo de la varmego la materialrezisteco malpligrandiĝas, la alia pro tio, ĉar la ŝmiroleoj ekbruliĝas pro la alta temperaturo kaj sekve efektplena lubrikado de piŝto kaj cilindro ne estas ebla. Tamen hodiaŭ ekzistas materialoj kaj oleoj, kiuj permesas atingi kaj daŭre konservi vaportemperaturon de 420-430° C. (centgrada termometro).

Alia vojo por plibonigi la ekonomian efikecon estis kune kun la uzado de varmegvaporo la plialtigo de la vaporpremo. La pruvon por la ĝusteco de ĉi tiu evoluo donas esploroj, kiujn faris Stodola, Mollier kaj aliaj kaj kiuj estas fiksitaj per tabeloj kaj diagramoj. Ne estas eble, precize pritrakti tie-ĉi la varmecteknikan teorion, sufiĉu do atentigo al la fakto, ke pli alta premo kaj pli alta temperaturo de vaporo garantias des pli bonan efikecon.

La aplikado kaj realigo de ĉi tiu ekkono en la lokomotivkonstruado signifis deturnon de la konstruprincipo de la Stephenson'a lokomotivo. La, laŭ tio konstruitaj lokomotivoj posedas du apartajn kaldronegsistemojn kun malsamaj vaporpremoj — alta premo kaj malalta premo (respondas al la ĝis hodiaŭ kutime uzata vaporpremo de 12-16 kg/cm²). La malfacilaĵoj rezultantaj el la duobla kaldronegsistemo estas ankaŭ al nefakulo kompreneblaj, sed se ankaŭ la maŝinfabrikoj sukcesis superi ilin, restas la malsimpleco, kiu postulas pli grandan atenton de lokomotivestro kaj hejtisto kaj prezentas pli grandan fonton de difektaĵoj ol ĝi nun. La teknika evoluo de la venontaj jardekoj forigos ankaŭ ĉi tiujn nunajn mankojn.

Dum la altpremo-lokomotivo estas en fazo de esploroj kaj provoj — ĝis hodiaŭ ne ekzistas tia regule funkcianta — realiĝis jam la mezaltprem-lokomotivo. Ĝi evitas la duoblan kaldronegsistemon, reanstataŭas tiun per la simpla Stephenson'a sistemo kaj uzas vaporpremon de 25 kg/cm², tiel nomata mezaltpremo. La aplikadon de mezaltpremo ĝis nun malhelpis la kaldronegladoj, ĉar ili sub la influo de la varmeco ne posedis sufiĉan rezistecon kontraŭ la premo de 25 kg/cm². Tamen hodiaŭ la lokomotivkonstruisto disponas pri kaldronŝtaloj — kunfanditaj kromnikel- aŭ volfram-molibden-ŝtaloj — kiuj sufiĉe respondas al ĉiuj streĉadoj. Ĉi tiuj lokomotivoj funkcias regule kaj pravigas la uzadon de mezaltprem-vaporo laŭ teoriaj kaj efektivaj esploroj. La specifa vaporkonsumo plimalaltiĝis, tio signifas specifan malaltigon de la karbkonsumo, do plibonigon de la efikeco. La mezaltprem-lokomotivo estos tipa en la venontaj jaroj.

Kvankam la vaporlokomotivo ĝis la hodiaŭa tago ne atingis tiun gradon de ekonomieco kiel la elektra lokomotivo, ĝi tamen neniam malaperos; en kazoj de difektaĵoj de la elektraj centrejoj aŭ kondukiloj ĝi prenos sur sin la laŭplanan ordon de la fervojfunkciado; ĝi ĉiam funkciados sur tre longaj kaj malmulte frekventataj relvojlinioj pro la tro ne-proporciaj kostoj de la elektra instalaĵo. La vaporlokomotivo, plibonigota de jaro al jaro, estos konkurenckapabla kaj do restas ĉiam vivrajtigata elemento de la tekniko.

# ŜERCO KAJ KARIKATURO

## La influo de la epoko

Ankaŭ la ŝerco sekvas la modon. Tute nature, ĉar ĝi estas spegulo de l'tempo. Kiel ĝi ŝanĝas, ŝanĝas ankaŭ la ŝerco.

Kiom strange nin impresas bonhumoraj kaj satiraj gazetoj el jaroj antaŭ la milito, ni diru el 1900! Oni skuas la kapon dirante « kaj pri tio oni povis ridi? ».

Flankan rolon ludas la politikaj ŝercoj. Ili jam dum la tempo en kiuj ili kreiĝis estis kompreneblaj nur al tiuj, kiuj vivis en la medio, kiuj sekvis la tagajn okazintaĵojn. Pri la aliaj ŝercoj... ili estas kompreneblaj nur el la tempo mem. Pri bonhumora vorto aŭ frazo de antaŭ tridek jaroj, *ni* simple ne plu povus ridi, ĉar la tuta mondo aliformiĝis. Sed la ŝerco donas tre bonan bildon, kiel la samtempuloj konsideris la epokon.

Nuntempa infano, kiu el ŝerca gazeto de 1911 legus la sonĝdeziron de dika etburĝo « nun mi ŝatus manĝi rostitan junporkon, trinki kelkajn glasojn da biero — kun akompano de kanto de Caruso », tiam tiu ĉi infano dirus, « li iru en restoracion, kie estas gramofono aŭ mekanika muzikaparato, kaj li povas ricevi ĉion ». Konkludo: Kio estis antaŭ 20 jaroj ridiga fantaziaĵo, la moderna tekniko jam transpasis. Eĉ ne estus plu ŝerco dirante », hodiaŭ vespere mi restas hejme, edzino bakas kukon kaj mi aŭdas operon el Romo ».

Komence de la nuna jarcento, kiun ni tiom fiere nomas la « jarcenton de la tekniko », aŭtomobilo, tramo, elektra lumo, telefono k.t.p. estis fremdaj, nekutimaj objektoj. Kaj pro tio plej bona celo de ŝercoj.

Ĝi komencis per la tramo. Ĉion eblan oni aŭdis pri la danĝero de la elektra fluo. Demandis la homoj la konduktoron, ĉu estus danĝere marŝi sur la reloj. Tiu opinias ŝerce: « Ne, *nur* tiam, se samtempe vi marŝas kun unu piedo sur la relo kaj per la alia vi tuŝas supre la kondukan fadenon ».

Kaj la elektro! Onklino ŝatus kompreni la sekreton kaj la nevo penadas, penadas. « Vidu onklino, li diras », se vi karesas per la mano katon, tiam saltas elektraj fajreroj el la felo ». « Jes ja », interrompas la onklino, « tion mi scias, mi nur ne komprenas, de kie la elektro-uzino prenas la multajn katojn ».

Kiam venis la telefono, arkeologo rakontas al alia: « La telefono ne estas io nova. En reĝaj tomboj, 2000 jaroj antaŭ nia epoko en Egipto, oni trovis metalfadenojn, pruvantaj ke jam ekzistis io simila al telefono tiutempe ». La kolego respondis: « Tio estas nenio. En asiriaj tomboj, mil jarojn pli aĝaj, oni *ne* trovis metalfadenojn. Pruvo, ke la antikvaj asirianoj jam konis la telegrafadon sen-fadenan ».

Gravaj, kaj la vivon tute ŝanĝantaj eltrovoj venas kun la 20a jarcento. Sed ili ĉiuj nur estas simptomoj de la kompreno pri la signifo « rapideco ». Subite ĉesis la trankvila, meditema malnova tempo. Kie oni ankoraŭ veturis malrapide per la malgrandrela fervojo « Elŝiri florojn dum la veturo estas malpermesita » — jen febre kuras la unuaj aŭtomobiloj. Baldaŭ la homo kapablis vojaĝi sub la maro kaj super la nuboj. Sed kien ajn li iris, sekvis la ŝerco. Kaj la tuta sonĝo pri la ĉionreganta tekniko malaperis antaŭ la konciza raporto de armea manovro: « Ĉio bone sukcesis. Nur la aerŝipo falis en akvon kaj la submarboato flugis ĉielen ».

Sed tiaj etaj interludoj ne povis haltigi la evoluon. Jam kreskas la domoj ĉielen. Kaj kiam la novjorka miliardulo falas el la 67-a etaĝo, li vidas dum la falo, ke en la naŭa etaĝo, oni jam legas la raporton pri ĝi.

Pli forta fariĝas la dependeco de la homo de la tekniko. La ŝerco kaptas tion. El la historio de la tri amikoj, kiuj havas siajn ĉambrojn en la 99-a etaĝo de la nubskrapulo. Reveninte vespere tre malfrue hejmen, ne funkcias la lifto. Malkontente ili devas marŝi. Unu proponas rakonti anekdotojn dum la supreniro. Li mem rakontas ĝis la 33-a etaĝo. Ĝis la 66-a, la dua transprenis la taskon. Tiam venis la vico al la tria. Kiam la amikoj devigis lin, fine ekkomenci li diras « Mi volas ion rakonti al vi — ni forgesis la ĉambroŝlosilon malsupre ».

Sennombraj estas la spritaĵoj pri la aŭtomobilo. Efektive neniu inventaĵo tiom transformis la modernan vivon, ol tiu ĉi veturilo, ŝatata, amata, kaj samtempe malamegata. Jen unu tipa el tiuj ŝercoj. Viro riparis malgrandan aŭtomobilon, tielnomatan stratcimon. Fakulo alproksimiĝas, rigardas la aferon. Fine li demandas: « Ĉu vi povas aŭdi per ĝi ankaŭ eksterlandajn staciojn ».

Ne malpli multnombra estas la ŝercoj pri la virina modo. Senfinaj estas la spritaĵoj pri malvastaj kaj vastaj jupoj, etaj ĉapeloj, larĝaj ĉapeloj. Sufiĉas du ekzemploj por dokumenti la ŝanĝon en la kompreno.

1900. Panjo deprenis ĉe marbano ŝuojn, ŝtrumpojn por ludi kun la infanoj en la akvo. Timeme ŝi levas la faldoriĉajn jupojn ĝis la genuo. Jen krias la filineto tute surprizita: « Sed, Panjo, vi ja havas ankaŭ krurojn kiel ni ».

1930. Knabeto kun panjo, transirante straton trafikoplenan: Li devus sin teni ĉe la jupo de Panjo. Sed jen li plendeme ploras: « Sed mi ja ne povas atingi ĝin, ĝi estas tro alte ».

Kiun ajn regionon de la vivo ni ekzamenas: ĉiam la ŝerco kaptis la karakterizan kaj tipan trajtojn. En malnovaj ŝercoj ni renkontas aferojn, gravajn por la koncerna epoko kaj kiuj hodiaŭ estas preskaŭ forgesitaj. Se kontraŭe ni pensas, kion oni diras en 1960 pri *niaj* ŝercoj, tiam ni komprenas eble, konsideri niajn aferojn kaj nin mem, malpli grave kaj malpli tragedie.

# La aŭtomobilo en ŝerco kaj karikaturo



" Ĉu jam ni spertis ion similan ? Tio estis filmaktorino. Mi pretigis mian notlibreton, ŝi prenis ĝin, enskribis aŭtografaĵon kaj......... forrapidis. *(Humorist)*



" La veturilo ne apartenas al mi, mi ne havas kondukateston.... en tiu ĉi afero mi lavas miajn manojn en pura akvo ". *(Judge)*



Posedanto de l'miniatura aŭtomobilo : " Kie estas la viro kiun mi komisiis priobservi mian aŭtomobilon ? " Knabo : " Li foriris hejmen, por serĉi siajn okulvitrojn ". *(Humorist)*



*La perfekta vendisto.* — " La sole neperfekta detalo ĉe tiu ĉi veturilo estas, ke estas tre malfacile, rezisti la tenton, ruli sub la mezo de cent kilometroj. *(Life)*



" Se ni aĉetus traktoron, anstataŭ novan veturilon, tiam ni povus konservi la malnovan aŭtomobilon ". *(Ric et Rac)*



Sinjorino : " Ĉielo mia, kia idiota tempoperdo ! Apenaŭ pasis 5 minutojn, mi jam informis alian ĝendarmon pri mia persono. " *(Punch)*.



" La malgranda ciferplato sur la komutilaro estas entute nova inventaĵo. Ĝi montras al vi precize la monatajn partpagojn, kiujn vi ankoraŭ devas fari " *(Punch)*



La paŝao veturas per motociklo. *(Le Rire)*



Peĉjo : " Sinjor' policano, ne permesu liberan vojon. La pilko de Friĉjo rulis en la akvotubon ". *(Life)*

# Tra la libraro

**Quo Vadis. — Vojaĝo ĉirkaŭmonda. — Tragedio.**

Estas plezuro ekpreni tiun grandan tolbinditan volumon, dikan sed malpezan, ĉar presitan sur ŝvelpapero, kaj legi la unuan parton, kiu ja preskaŭ formas jam tutaĵon, de l'ampleksa romano *Quo Vadis.* Multaj jam legis tiun verkon, kiu ĉiulande konigis la polan aŭtoron Sienkiewicz. Pro la intereso kaj lerta aranĝo de l'okazoj, la reliefo de l' ĉefpersonoj, la epoko de Roma imperio kaj naskiĝo de Kristanismo, la lukto inter la nova kredo kaj la paganismo, la verko akiris tuj famon, estis tradukata en pli ol dudek lingvoj, liveris filmtemon, fariĝis klasikaĵo. Ĝi estas el tiuj fluegromanoj, kiuj nerezisteble forflosigas la leganton. Se kelkaj anakronismoj estas troveblaj, se tro videbla estas la intenco de l' aŭtoro briligi la apostolojn kaj martirojn, kontraste de la Roma luksa diboĉo, se mirige estas, ke iuj tiel precize antaŭvidas la estontecon de l' nova religio, restas, ke la majstraj pentraĵoj pri la imperia kortego kaj ĝiaj festenoj, la vivigo de personoj kiel Nero, Petronius, Vinicius, Chilo, de l' virgino Ligia kaj ŝia defendanto Ursus, ĉio vere rekreas antaŭ ni tiun unikan periodon, malfermas por ni tiun antikvan mondon, kvazaŭ la aŭtoro estus mem vidinta la rakontitan, kvazaŭ ni mem partoprenus la eventojn.

La romanon tradukis en flua, agrabla, tre facile legebla lingvo F-ino Lidja Zamenhof, kaj ĝin presis Amsterdama firmo. Tiu ĉi kulpas pri tro da preseraroj, t.e. mankantaj aŭ troaj literoj; ili ĝenerale ne ĝenas, krom se rezultas alia vorto (patrino-pastrino, kial-kiel, rekomenco-rekompenco); sed kial tian belan presaĵon ne zorge korekti ? Tio estus ja facile farebla. La stilo meritas plenan laŭdon pro sia korekteco kaj tuja komprenebleco ; se oni absolute volas ion kritiki, oni rimarkos ian ŝanceliĝon ĉe la verboj, inter la formoj kun « iĝ » kaj kun « sin » (konfuzi sin, ekscitiĝi, ŝanĝi sin, troviĝi, k.t.p.) uzon de simplaj tempoj kun « us » kiam kunmetitaj estus pli ĝustaj (sur unu paĝo, la tri frazoj : « se li rekondukus ŝin, ŝi konfesus sian amon... se vi ne malpermesus, mi pereus... se li estus sklavo, Aŭluso lin liberigus » koncernas pasintajn okazojn, sed ŝajnas rilati al estantaj), ian konfuzeblecon en kelkaj esprimoj (vi ne ordonis min mortigi, vi ne permesis min mortigi, por lasi min mortigi).

Sed tio estas nevideblaj punktetoj en ampleksa libro; multaj veran plezuron trovos legante ĝin kaj admirante, ĉu la rimarkindan talenton de la verkinto, ĉu la lertan esperantigon de la tradukintino.

---

Post romanigita historio, viva geografio. Alispecan, sed ne malpli grandan ĝuon liveras la libro de J. Scherer : *Ĉirkaŭ la mondon kun la verda stelo.* Ĝia simpla stilo estas perfekta por tia verko, kaj neniam haltas la leganto pro lingva problemo aŭ dusencaĵo. Kaj interesa, interesega ĝi estas, pro la personaj travivaĵoj de l' aŭtoro, lia spriteco, bonhumoro, precipe kiam temas pri apartaj renkontoj, aventuretoj. Dank'al Esperanto, la vojaĝinto vidis kion multaj eĉ ne suspektis, eniris en hejmojn, konatiĝis kun popolanoj, komprenis iliajn morojn, ilian spiriton. La ĉapitroj pri alveno kaj vivo en Japanujo, pri la ruinoj de Angkor, pri la loĝantoj en Siam, pri ekskurso al Java vulkano, pri la paradiza insulo Bali, pri templo Taj-Mahal en Agra, pri ideoj de Hindoj, pri la Maratona kurado, kaj aliaj, trovus indan lokon en antologio. La fotografaj bildoj, faritaj de la aŭtoro, ne nur ornamas, sed plivalorigas la libron per fidindaj dokumentoj. Finleginte, oni nur bedaŭras, ke fiksitaj limoj devigis la aŭtoron rapidi, kaj foje uzi telegraman stilon, kaj ankaŭ, ke eldonkostoj ne permesis presigi milon da bildoj, anstataŭ centon. Manĝo, kiu lasas apetiton, estis bongusta ; libro, kiun oni juĝas tro mallonga, estas laŭdinda. Mi jam legis kelkajn ĉirkaŭmondajn vojaĝojn ; neniun kun tiom da plezuro.

---

Bela eldonaĵo ankaŭ : *Amo estas pli forta ol morto,* tragedio kvinakta de Janis Rainis. Ĉiu nova, aŭ renaskiĝinta popolo volas konatigi al ni siajn ĉefverkojn. Jen, el latva lingvo, dramo, kiu kvankam moderna, temas pri eventoj de la komenco de l' 17-a jarcento, kaj por kiu la aŭtoro retrovis kvalitojn de malnova klasika formo. La aldonoj liveras pri la verkinto, la tragedio, la aŭtentikaj okazaĵoj kiuj inspiris la aŭtoron, la lokoj, ĉion necesan por bone kompreni la teatraĵon. Ĝi estas samtempe poezia kaj kruda, naiva kaj forta, kvazaŭ mezepoka legendo. La ĉefpersono, tiu Maija, tiu virgulino kiu antaŭsentas sian morton, kiu estas samtempe timema kaj arda, petola kaj profundsenta, kiun amo samtempe logas kaj repuŝas, kiu preferas morton ol senhonoriĝon, iel memorigas pri la Camille en « Ne ludetu kun la amo » de Musset, aŭ pri Ofelia de Shakespeare ; kaj tiuj komparoj jam diras la literaturan valoron de l' verko. La sekvaj citaĵoj montros la stilon de l'traduko, farita de Inte Ĉaĉe. Maija jene difinas la animon de siaj samseksulinoj :

« Ili cedas al vi pro virina afableco, per tuta pardonemo kaj bonfaremo. La milda koro de virino sentas de si mem, kie troviĝas iu malfeliĉulo kaj rapidas helpi lin per siaj neelĉerpeblaj bonkoreco kaj nobleco kaj profundaj fontoj de abnegacio. La diinecan amon de virino vi neniam komprenis. »

Heil, ŝia fianĉo tiel al ŝi parolas :

« Tutan mian estaĵon vi alligas kaj kurbigas, mi iĝas necerta al mi mem, mi ekbalanciĝas kiel floro en vento. Kaj tamen al mi ŝajnas, ke mi staras pli firme en la tero ol iam ajn. Kiam vi kantas, ankaŭ mi kantemas, kiam vi timas, tiam mi sentas min kiel krudherbo, kiu estas elsarkita el florbedo kaj metita sur vojrandon. Mi estas orfo kaj al vi mi la unuan fojon alvenis hejmen. »

Ie, Maija aforisme konfesas, kvazaŭ per Maeterlinck'a diro :

« Silenti ja estas bone ankaŭ por ni, ne sole por mortintoj. La plej altan feliĉon oni ne povas esprimi per vortoj, sed per silento. »

Vere originala, kun aparta ĉarmo, eĉ en teruraj scenoj, kun nedubebla beletra valoro, estas tiu kampara tragedio.

15. Februaro 1934. G. S.

---



"Kaj vi vidis neniun, venintan el flanka vojo ? vi diris, ĉu ne ? "
"Proksimume, Sinjor' ĝendarmo, proksimume". (*Punch*)



Kampara domaro el provinco Halland



Malnova vent-muelejo el provinco Västergötland
*en Skansen muzeo*



Liberaera muzeo Skansen

# Muzeoj svedaj.

## De Tiberio Morariu

La vizitantoj de Stokholmo havas okazon konatiĝi kun la famaj *Norda Muzeo* kaj precipe *Skansen*. La verko de l' energia sveda iniciatinto estis modelo por similaj fondajoj en la najbarlandoj skandinaviaj kaj poste plurloke en Eŭropo.

Artur Hazelius transportigis domojn kaj hejmojn el la tuta Svedlando sur teraltaĵon ĉe la pordegoj de l' ĉefurbo, revivigis popolan vivon, kiu preskaŭ malaperis. Sen ia rimedo en la komenco, Hazelius faris miraklon el nenio. Li skribadis, veturadis, faris vizitojn kaj kolektadis monon, aĉetis, sistemigis la akiritan materialon, kaj ĉe lia morto liaj kolektoj nombris 92.000 inventariajn numerojn.

Hazelius estis entuziasma adepto de l' skandinavismo. Li estis konvinkita, ke paca kunlaboro inter ĉiuj nordaj popoloj antaŭenigus tiujn kulture kaj spirite. Ni festas lian centjaran jubileon meze de epoko, kiam la mondo prezentas ĉion krom paca aspekto, kiam la nacioj, anstataŭ firmigi la pacajn interligojn, misuzas siajn fortojn unu kontraŭ la alia kaj ŝajnas nereteneble ruliĝi kiel lavango en fatalan abismon de pereo. Hazelius instruis al ni la kielon por kompreni la hodiaŭon kaj estonton : per la konservo kaj studado de l' estinto.

Dum nia « samniveliga » epoko ni devas esti duoble dankaj, ke Artur Hazelius frue direktigis la atenton al la grava interligo kun pasintaj generacioj. Kiam li komencis kolekti siajn vestkestojn, laktujojn, hejmajn meblojn kaj teksaĵojn — objektoj, kiuj silente rakontis pri laborplena vivo de svedaj hejmoj kaj ankaŭ pri bongusto kaj lertmaneco — la industrio jam komencis per la evoluo de l' maŝintekniko ekstermi la restojn de la malnovaj loĝej-instaloj. Sed li volis tiamaniere ankaŭ centrigi kaj evidentigi la kulturon de la nordaj najbarlandoj, por pruvi kiom multe kunapartenas tiuj popoloj kaj ke iliaj limoj despli malaperas, ju pli oni scias diferencigi ties proprecojn.

La unua ejo de l' Norda Muzeo estis la hejmo de Hazelius kaj lia edzino, kie ili konservis la objektojn kaj kien li portis ĉion, kion li sukcesis kolekti — dank' al propraj oferoj — dum ĉiama veturado tra la svedaj provincoj. Hazelius ne ĝisvivis la definitivan pretiĝon de la muzeo, sed li tamen trankvile fermis siajn okulojn por lasta ripozo aŭdinte, ke troviĝas sufiĉa rimedo por la efektivigo de lia granda entrepreno. La impona muzea konstruaĵo ĉe la Bestĝardeno estas nuntempe unu el la plej gravaj vidindaĵoj de Stokholmo kaj



Renoj. *En muzeo Skansen*

ĝi elokvente montras kion povas rezultigi energio kaj celkonscia klopodo de unu sola homo.

Hazelius naskiĝis kiel filo de tiama kapitano — pliposte generalo — Johan August Hazelius. Li studis filologion kaj filozofion en Uppsala, kie li poste agadis kiel instruisto. Ĉirkaŭ 40-jara, li eklaboris pri la plej granda verko de sia vivo. Li ricevis impulson per vojaĝo farita kune kun sia edzino tra Dalekarlio dum la somero de 1872.

Per fajra entuziasmo kaj eltena energio li kunforĝis la ĉenojn de kulturevoluo, ligis generacion al generacio per





*Maldekstre :*
Maistange t.e. Maj-arbo.
*Dekstre :*
Interno de kampara domo el provinco Helsinglan.

*En muzeo Skansen*

*(Kliŝoj afablé disponigitaj de l' Sveda Trafika Ligo, Stockholm.)*

reliefigo de l' homara historio en miniaturo, kiel tiu aperis en materia formo ĉe unuunura el ties popolmembroj. Ne nur la svedaj reĝo, kronprinco, ministroj, oficiala kaj privata elitularo — iam dube mokinta pri utopiisto proponanta fantaziajon, kies similon neniu vidis antaŭe — festis lian centjaran jubileon per persona ĉeesto, sed alvenis eĉ la direktoroj de l' muzeoj el Danlando, Norvegujo, Anglujo, Aŭstrio, Hungarujo, kaj diplomataj reprezentantoj de aliaj landoj.

Laste staru tie ĉie la vortoj de F.A. Bather, la estro de la Geologia Fako de British Museum :

*« Kvankam mi dediĉis mian vivon al alia kampo de l' scienco, la ideoj de Hazelius profunde impresis min kaj mi volonte klopodis por ilia popularigo en Anglujo. La penso de Hazelius estis, ke la grandeco de la lando, la forto en ĝia antaŭeniro, la beleco en ĝia arto havas siajn firmajn radikojn en la propra historio de la patrujo. Donu al ĉiu popolo sian memfidon kaj kunligu la disigitajn homojn per la forta ligilo, kiun oni nomas : historio ».*

## Tra la mondo

**Svisa Leksikono. —** Unika en sia maniero estas la Historia-Biografia Leksikono Svisa, kiu nun finaperis kaj formas 7 volumojn preskaŭ 20000 titolojn kun 103, parte kolorajn bildojn tutpaĝajn ekstertekstajn kaj ĉirkaŭ 6500 ilustraĵojn, blazonojn, portretojn, pejzaĝojn kaj geografiajn kartetojn.

Kunlaboris al tiu ĉi verko konataj viroj scienculoj kaj fakuloj ĉiuspecaj. Gravan subtenon ĝi ricevis per la gvido de la Direktoro de la Svisa Biblioteko Nacia, D-ro Godet.

Kion oni trovas en tiu ĉi leksikono ? Nu ĉion pri la Svisa Konfederacio, ĝia historio, la personoj ludintaj rolon, resume ĉion kion oni serĉas pri Svislando. Ĝi estas riĉa fonto pri familia historio kaj estas en tiu ĉi maniero la sola leksikono en la tuta mondo pri unuopa lando. La verko aperis en du lingvoj : Germana kaj Franca kaj povis aperi nur dank'al donacoj bonvolaj kaj kunhelpo plej ofte senpaga. Estas la kompletigo de la pli frue aperinta Geografia Leksikono Svisa ; ambaŭ aperintaj en la oferema eldonejo Victor Attinger en Neuchatel.

**Loknomoj en Estonio. —** La sendependiĝo de aro da landoj havis antaŭ 15 jaroj strangan sekvon. Memorante gloran pasinton, oni reprenis malnovajn nomojn de lokoj, forigitaj aŭ anstataŭigitaj de la reginta povo. Tiun nomŝanĝon memorigas la jusa dekreto de Estonia poŝto. Ĝi informas, ke poŝtajoj estas nur liverataj kun la sole prava nomo nacia. Aliaj nomoj en germana aŭ rusa manieroj estas, eĉ kiel aldono, ne permesataj. Jen listo de la plej gravaj nomoj : (La formo ne plu tolerata inter krampoj)

Haapsalu (Gapsal, Hapsal.), Joesuu (Hungerburg), Kuressaare (Arensburg). Paide (Weissenstein), Paldiski (Baltiski-Port, Baltischport), Petseri (Petšory, Petschur) Pärnu (Pernov, Pernau), Põltsamaa (Oberpalen) Rakvere (Wesenberg), Tallinn (Reval, Revel), Tapa (Taps), Tartu (Derpt, Dorpat, Jurjev.), Türi (Turgel), Valga (Walk), Viljandi (Fellin), Võru (Werro).

**La Paska Insulo. —** 2400 mejlojn for de la marbordo de Ĉilo, en la Pacifika Oceano troviĝas la Paska Insulo. Ĝi apartenas al Ĉilo, almenaŭ tiel instruis la geografiaj manlibroj. Sed nun, antaŭ ne longe, la Ĉila registaro oficiale aneksis la insulon. Oni trovis en la ŝtata arkivo, ke neniam estis farita la necesaj paŝoj por ke laŭjure tiu ĉi insulo estu ligata al Ĉilo. Tiun ĉi forgeson oni nun rapide korektis kaj ripozas nun en la ŝtata arkivo en Santiago dokumento, laŭ kiu solene estas fiksita, ke la Paska insulo nun kaj por ĉiam apartenas al Ĉilo. La ekonomia valoro de tiu ĉi malgranda insulo estas nula. Sed ĝi servas al la registaro kiel restadejo mallibervola de opoziciaj politikistoj. La insulo estas tamen de alta intereso arkeologia pro la gigantaj ŝtonmonumentoj, ĉirkaŭ 500, kies deveno estas tiom mistera kiel la skribsignoj kiuj ilin kovras.

**Sep milionoj da Volt. —** Je la unua fojo oni konstruis aparaton en la teknika instituto de Massachusetts per kiu oni atingas tension de sep milionoj da Volt de kontinua fluo. Per ĝi oni malfermis al la esploro novan vastan kampon. La fajreroj, produktitaj el tiu ĉi giganta tensio, atingas longon de 12 metroj kaj saltas kun pafsimila knalo inter la du elektrodoj de la aparato, kiuj konsistas el aluminiaj kugloj de 5 m. da diametro. La celo de tiu ĉi nova aparato estas la provo detrui la atomon kaj la studon de la Röntgen-radioj, fine precizan kalkulon de la ondolongoj kaj la rapidon de la kosmaj radioj.

**Almanako de Gotha. —** Libro, preter kiu la tempo pasas, estas tiu ĉi nobla almanako, aperanta nun en sia 171-a jaro. Vera himno al la dio de la publika ordo, registro de la blusanga aristokrataro. 1400 paĝoj, el kiuj 700 informas pri la membroj de la regantaj kaj ne plu regantaj noblaj familioj, per sobra soleneco. La dua parto ankaŭ 700 paĝa, informas pri la diplomataj, administraj kaj statistikaj kondiĉoj de ĉiuj landoj, pri la Ligo de Nacioj, la komisionoj kun internacia suvereneco, la Internacia Konstanta Tribunalo, la Banko por internacia pagado, kaj la oficialaj internaciaj oficejoj. Pri la rondcifere 70 suverenaj ŝtatoj de la tero estas elĉerpaj informoj, regoformo, kiu regas, pri la konstitucio, pri nacia himno, pri gazetoj, pri enlandaj kutimoj. Ni sciiĝas pri la nomoj de la altaj funkciuloj, kiu apartenas al la diplomata korpuso kaj pri la budĝetoj. Tre zorge ĉiuj ŝanĝoj estas konsideritaj en Hispanujo, en Arabio, Kubo kaj nature en Germanujo. Eĉ la plej lastajn ŝanĝojn okazintajn dum Decembro oni sukcesis enigi. Depost 1932 la Almanako aperas nur en franca lingvo kaj estas enhave kiel prese — modela — je la honoro de la eldonisto, la malnova firmo Justus Perthes en Gotha.

## Esperanto kiel edziĝoperilo

Jes ! — Esperanto ree donis evidentan kaj belan pruvon pri sia utilo.

Tiun-ĉi fojon en 's-Hertogenbosch (Nederlando).

Antaŭ kelka tempo du geamantoj volis pasi en la edziĝoŝipeton. Sed la ŝipestro ne permesis al ili ! Ĉar... la patro del' neplenaĝa fianĉino estis netrovebla ! Jam antaŭ longe li elmigris al Ameriko.

Kion fari ?

La paro turnis sin al la helpoficejo de urba instituto ; tiu-ĉi turnis sin siaflanke al S-ro Hoen, UEA Delegito de 's-Hertogenbosch.

Kaj tiam la afero trovis solvon.

Letero por informoj iris al S-ro Briggs, UEA-Delegito de Minneapolis, Ameriko (tie la patro estis lastfoje loĝinta !).

La finrezultato alportis ne la adreson del' patro (tiu ree forvojaĝis el Minneapolis !) sed notarie subskribitan leteron, el kiu montriĝis, ke la patro estas netrovebla, kaj do lia permeso neakirebla.

La malhelpo estis forigita. La laŭleĝa pruvo estis donita, ke la nericevo del patra permeso ne estis intenca.

Per la dokumentoj akiritajn de la UEA-Delegitoj el Minneapolis kaj 's-Hertogenbosch, la atendantaj geamantoj fine povis geedziĝi.

# Universala Esperanto - Asocio



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

Centra Oficejo :

1, Tour de l'Ile, Genève

## Oficiala Informilo

26-a Administra jaro 1934 :

N-ro 3 — Marto 1934

Bankkonto:

Société de Banque Suisse

(Schweizerischer Bankverein), Genève.

*Svisa Poŝtĉeko:* Genève I. 2310.

*Voĉdono de la Delegitoj.* — La dokumentoj pri tio eliris je la 3-5 de Marto. Delegitoj kiuj *ne* ricevis tiun ĉi sendaĵon bonvolu atentigi nin.

*Paska kunveno.* — Kiel kutime la komisiono de UEA (nun nomata « Estraro ») kunvenos dum pasko ĉe la C.O. de UEA. Personoj kiuj deziras ion komuniki, proponi, iniciati, sendu tion frue al ni.

*Protesto.* — En oficiala Informilo n-ro 33 paĝo 202 ni informis pri Delegito en Zwittau-Svitavy, Moravio.
Ni ricevis gravan plendon kontraŭ S-ro Karl Karger kaj ĝis klariĝo de l'afero haltigas lin en sia funkciado. (Ripetita informo).

*Subtenantoj.* — Por forigi danĝeron de deficito M i l subtenantoj necesas.

### Tria listo

41. S-ro N.C. Smith, Oxford, Britlando.
42. S-ro T. Pattinson, Gateshead, Britlando.
43. S-ro W. Norris-Jones, Dortmouth, Britlando.
44. F-ino E.M. Bartholomew, Letchworth, Britlando.
45. S-ro C.F. Hayes, London, Britlando.
46. F-ino Erie Evans, Bangor, Britlando.
47. S-ro J.W. Hartley, Clowbridge, Britlando.
48. S-ro F.B. Bourdillon, Oxford, Britlando.
49. S-ro J.B. Horne, Glasgow, Britlando.
50. S-ro J.W. Richard, Manchester, Britlando.
51. S-ro C. Barnes, Colchesterm, Britlando.
52. S-ro J.F. Partington, Bolton, Britlando.
53. S-ro F.B. Elwell, Ilford, Britlando.
54. S-ro A. Mann, Edinburgh, Britlando.
55. S-ro G.W. Goodall, London, Britlando.
56. S-ro W. Phillimore, London, Britlando.
57. S-ino M. O'B. Harris, London, Britlando.
58. S-ro Russell Scott, Letchworth, Britlando.
59. S-ro Georges Stroele, Neuchâtel, Svislando.
60. D-ro R.G. Maeder, St-Gallen, Svislando.
61. S-ro R. Timmler, Omaha, Usono.
62. S-ro Mario d'Oliveira, Lisboa, Portugalo.
63. S-ro Bernardino Martins d'Almeida, Lisboa, Portugalo.
64. S-ro Mario Lopez de Rego, Lisboa, Portugalo.
65. S-ro H. Ozouf, Lausanne, Svislando.
66. F-ino C. Offerhaus, s'Gravenhage, Nederlando.
67. F-ino A.G. Brouwer, 's Gravenhage, Nederlando.
68. S-ro J.v.d. Steuer, Voorburg, Nederlando.
69. S-ro Jakob Telling, Rotterdam, Nederlando.
70. S-ro A. de Vries, Soest, Nederlando.
71. F-ino M.L. Uytdebroek, Amsterdam, Nederlando.
72. S-ro R. v.d. Hoef, Nunspeet, Nederlando.
73. F-ino C.R. Teepe, Amsterdam, Nederlando.
74. S-ino E. Outsboorn-Meedenhorp, Amsterdam, Nederlando.
75. S-ro G.R. ten Burg, Nijmegen, Nederlando.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

### Aŭstrio

*Gutenbrunn* (Nied. Oestr.). — D : Anton Minauf, privatinstruisto.

### Danlando

*Silkeborg* (Jutlando). — D: Stig B. Skole, Fredensgate 9.
*Svendborg* (Fyn). — D : Asger Kilde Jensen, Kedelsmedstr. 12.

### Francujo

*Caen* (Calvados). — D : Marcel Leboucher, 71, rue St-Jean.
*Chauny* (Aisne). — D : André Géraud, advokato, rue de la Paix.
*Le Bourget* (Seine). — D : Marcel Gary, 10*ter*, avenue Francis de Pressensé.
*Nanterre* (Seine). — D : René Mathyn, 71, rue Saint-Germain.
*Reichshoffen-Ville* (Bas-Rhin). — D : Charles-Frédéric Mull, 19, rue de Gumbrechtshoffen.
*Sarreguemines* (Moselle). — D : Othon Saur, Matériel roulant du Chemin de Fer.
*Saint-Laurent-du-Var* (Alp.-Mar.). — D : François Martin, St-Laurent-du-Var.
*Villefranche-sur-Mer* (Alp.-Mar.). — D : Alex. Metzger, 5, rue Gambetta. VD : Marius Belli, komercisto, 8, rue Calla.

### Germanujo

*Bramsche* (Hannover). — D : Hermann Meyer, 46 Lindenstrasse.
*Oberbeisheim* (Hessen-Nassau). — D : Hermann Korell, instruisto.

### Hungarujo

*Keszthely* (Zala m.). — D : János Ecjmann, Jokai-utca 11.

### Indoĉinio

*Bac-Ninh* (Tiên-du). — D : Ngujên-huj-Chi, instruisto ĉe Ecole Hoai-bao.
*Hanam* (Tonkin). — D : Dô-dinh-Phat, village de Thuy Lôi huyên de Kim-Bang.
*Haiphong* (Tonkin). — D : Nguyên-công-My, instruisto, Société d'Enseignement Mutuel. VD : Trân-van-Thao, instruisto, strato Lê-van-Thuoc.
*Tourane* (Annam). — D : Trân-nguaên-Con, 3 str. Dông-khanh.
*Quang-Oai* (Son-Tây, Tonkin). — D : Dinh-tu-Lâm, instru-inspektoro.
*Vinh* (Annam). — D : Huynh-ba-Duong, poŝtoficisto.

### Nederlando

*Aarle-Rixtel* (Noord-Brabant). — D : J.A.J. Slaats, Dorpstraat A-34-B.
*Bedun* (Groningen). — D : Hendrik Hoeksema, Schoolstraat.
*Oudebiltzijl* (Frislando). — D : L.Dj. Swart.

### Svedlando

*Kardis, Jarhois* (Norrbotten). — D : Leonard C.S. Siljekrans.

### Svislando

*Schaffhausen.* — D : Fritz Hirzel, Rheinhaldenstrasse 15.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

### EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :

Ne plu estas D en jenaj lokoj :

*Ĉeĥoslovakio:* Pelhrimov.
*Francujo:* Ballancourt ; La Tronche ; St-Nazaire.
*Germanujo:* Ahlen ; Allenstein ; Aschersleben ; Bühl ; Duisburg-Hamborn-Wanheimerort ; Eisenach ; Eltville-a.-Rh. ; Eslohe ; Freiburg (Silezio) ; Heyda bei Riesa ; Jöhstadt ; Langebrück ; Quedlinburg-am-Harz ; Remscheid ; Bad Warmbrunn.
*Japanujo:* Osaka. *Nederlando:* Haren. *Polujo:* Irena. *Svislando:* Degersheim ; St-Margrethen. *Usono:* Cicero.

*Statistiko de la Delegitoj:*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Januaro 1934 . . . . . . . . . | 2.155 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo . . . . . . | — 25 lokoj |
| | 2.130 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.I. ĝis 15.II.1934 . . . . . . | + 25 lokoj |
| Stato je la 15 Februaro 1934 . . . . . . . . | 2.155 lokoj |

Genève, 15 Februaro 1934 Hans Jakob, Direktoro de UEA.

# Bibliografia Servo de UEA

### Donaco

Belegan donacon faris al la Biblioteko de UEA la Zentralbibliothek en Zürich. Temas pri kolekto de volapûkaĵoj, kies duan parton ni konigas tie-ĉi. Al la Zentralbibliothek ni esprimas koran dankon.

VOLAPÜKABLED ZENODIK : Monatsblätter der Weltsprache Volapük, redigirt vom Erfinder, Eigentümer, Herausgeber und Redaktör derselben Schleyer Johann Martin, par. emer. in Konstanz-Baden, Deutschland. VIII. Jahrgang : 1888, Nr. 85-96 inkl. — Im Verlage von Schleyers Weltsprache-Zentralbüro, Rauenéggasse, Konstanz.

VOLAPÜKABLED ZENODIK : Mulablèds Väpüka Volapük, peredaköls fa datikel, lönan ä pübel Schleyer Johann Martin. — Jlayär Yohan Martin, in Kostanz-Badän, Deut. — Yelüp zülid : 1889. — Nüms 97-108 niniko. — In püb büra zenodik vpa. jlavärik, 31 Jotensüt.

VOLAPÜKABLED ZENODIK : Mulablèds Väpüka Volapük, peredaköls fa datikel, lönan ä pübel Schleyer Johann Martin. — Jlayär Yohan Martin, in Konstanz-Badän, Deut.— Yelüp balsid : 1890.— Nüms 109-120 niniko. — In püb büra lezenodik vpa. jlayärik, 31 Jotensüt.

VOLAPÜKABLED LEZENODIK : Clapled vpa. — Mulablèds Väpüka Volapük, peredaköls fa datikel, lönan ä pübel Schleyer Johann Martin. — Jlayär Yohan Martin, in Kostanz-Badän, Deut. — Yelüp balsebalid : 1891. — Nüms 121-132 ninkiko.

VOLAPÜKABLED LEZENODIK. — Calabled vpa. — Mulablèds Väpüka Volapük peredaköls fa datikel, lönan ä pübel Schleyer Johann Martin. — Jlayär Yohani Martin,in Konstanz-Badän, Deut. — Yelot Balsetelid : 1892. — Nüms 133-144 nk., o. b. ninkiko.

VOLAPÜKAN MELOPIK : American Volapükist, A Monthly Magazine for the Propagation of the International Language. Established 1889. Portland, Oregon. 1891 e 1892.

JVEIZAPOT (Schweizerpost) : Schweizerische Weltsprachezeitung, Organ für die schweizerischen Volapükisten und des Zentralvorstandes, Sprechsaal für in- und ausländische Weltsprachefreunde. Zürich 1890.

NUNAL NULIK : Il nuovo messaggiero — Nogan Volapükanas Tälik (Organo dei Volapükisti Italiani). Milano 1890 e 1891.

VOLAPÜKAN : Nolik e nepaletik, München 1889.

NOGAN VOLAPÜKIK plo Beljän e Nedän, Antwerpen 1889-90.

NUNEL VALEMIK : Nogot Mulik Volapüka, London 1889. Redakel : G. Krause. Pübels : Swan Sonnenschein e Ko, London.

KOSMOPOLAN-COSMOPOLITAN : Gased telmulik plo födön pakami Volapüka e plo nenuns valemik. A bimensal gazette for furthering the spread of Volapük and for World-Wide advertisement. Sydney, Australia, 1891-1894.

VOLANUNEL, nogot flenas valik volapüka. Červenec, 1891.

VOLAPÜKABLED DÄNA : Zenoda — nogan plo Vopükaklubs skandinänik. Redak : Ernst Enna & Wilh. Hansen. Köbenhavn, 1889.

KOSMOPOLAN-COSMOPOLITAN : Sydney, Australia, 1891-1893.

INTERNATIONALE CORRESPONDENZ : Verbunden mit dem internationalen Uebersetzungsbureau. Organ für einen allgemeinen Weltverkehr. Redakteur : Sprachlehrer N. Heine, Frankfurt a.M., Langestrasse 10. Bielefeld, 1889. Frankfurt, 1891.

VOLAPÜKAGASED : Nogot flenas valik volapüka, pato kluba volapükanas in Wien. Wien, 1890.

TIMAPENAD VOLAPÜKIK plo dän e norgän. Redakel : J. Bayer. Ladet redakelefa : 33 Vesterbrogade, Köbenhavn, Danmark. 1892.

RUND UM DIE WELT : Zi vol lölik. Eine Zeitschrift für Volapükisten und solche, die es werden wollen. Wien, 1890.

DO PÜK BEVÜNETIK : Revue pour la propagation de la langue commerciale universelle. Tijdschrift ter verspreiding der Koophandelswereldtaal. Gent, Belgän, 1892.

COGABLED VOLAPÜKA. München, 1889 & 1890.

WELTSPRACHEBLATT (Volapükabled). Ferantwortl. redaktör, eigentümer und ' erausgèber des « veltspraheblates » : Yo'an Martin Schleyer zu Konstanz in Baden (Deucland). 1886, 1889. Debük se « Zi vol lölik ». Gased plo volapükels e ats, kels viloms vedön volapükels Wien.

VOLABLED : Timapenäd valemik, ko spods se voladils valik, pubom balna a mul. Dilekel Foulques Al. Ed. Napoli (Italia). Süd S. Anna de' Lombardi, 10. 1889.

(Rimarko : La germanaj vortoj estas kopiitaj tiel kiel ili estas presitaj. Videble la « 'erausgèber » eldoninto provis reformi la germanan ortografion.)

# Reklama Servo de UEA

### Budapest

Kiel ĉiujare la Budapeŝta Foiro faras intensan klopodon por ke ĝi altiru la intereson de l' komerca mondo. Belegaj afiŝoj kun teksto en lingvoj ĉefaj kaj en Esperanto. Citinda kaj rimarkinda estas la kalendareto, kolora presaĵo, unika en sia speco. La nunjara foiro okazos inter 4-14 de Majo. Interesuloj petu informojn rekte : Internacia Foiro, Alkotmany u. 8 Budapest V.

### Lyon

Kiel kutime la Foiro okazas dum la dua semajno de Marto, 8-14-a. La tradicia ruĝa leono de Lyon sur plurkolora afiŝo kaj glumarkoj similaj invitas partopreni. El Svislando karavanoj iras al Lyon al tiu ĉi okazaĵo. Esperantista karavano estas organizata el Ĝenevo. Informojn oni petu de l' Esperantista Grupo, Ĝeneva, « La Stelo », 1 Place Cornavin, aŭ ĉe UEA, Tour de l'Ile 1.

### Paris

Inter la 9-24-a de Majo okazos la foiro de Parizo pri kio informas lukse presitaj afiŝoj kaj broŝureto ilustrita. Karto de Aĉetanto ankaŭ en Esperanto redaktita, permesas eniron por 4 Fr. fr. — Ĉiujn utilaĵn informojn oni petu de : Foiro, Esperanto-Servo, 23, rue Notre-Dame-des-Victoires, Paris 2, aŭ ĉe Reklama Servo de UEA, Genève.

# Turisma Servo de UEA

### Vizitu Estonion !

Per tiuj vortoj varbas nova turisma lando en la nordo, per faldprospekto kun kolora kovrilo, landkarto, kaj 26 bildoj. Alta 25 cm., disfaldita, 80 cm., utilaj precizaj informoj pri ĉio sciinda. Eldonis : Centra Oficejo por Turismo Tallinn, de kie oni petu ekzempleron.

### Ljubljana

la slovena ĉefurbo (al germanlingvanoj konata sub nomo Laibach), pentrinde situata, pura loko fariĝas pli kaj pli atentinda centro turisma. Arte presita faldprospekto kun arta kovrilbildo, urba plano, 15 belaj bildoj instigas konatiĝi kun tiu ĉi urbo, fiero de l' slovena gento. (Prospekto eldonita de l' loka turisma organizaĵo kun helpo de l' Esp. grupo.)

### Valencia

*Mi el fremda sudo venas, el oranĝo-flora land', Valencia...*

Jam forgesitaj preskaŭ, estas tiuj vortoj el la fama Valencia ĵazkanto. Kontrasto de koloroj kiel nur la sudo povas produkti vidiĝas el vivoplena, arta prospekto, donante ideon pri la rava beleco de tiu ĉi urbo. Dank' al penado de S-ro advokato Piño, Delegito de UEA aperis tiu ĉi varbilo kun teksto en Esperanto, eldonita de Sociedad Valenciana Fomento del Turismo. (Ricevebla senpage pere de l' Turisma Servo de UEA.)

# Cseh-kursoj

### Svedlando

Sukcese fininte siajn kursojn en *Kumla, Hallsberg* (la 2-a Morariu-kurso) kaj *Orebro* (lastloke la 3-an fojon instruis la sama instruisto), S-ro Morariu komencis novajn kursojn en *Boras* por pli ol cent komencantoj en publika grupo, skolta kaj ĉe loka sekcio de Sveda Nacia Junulara Federacio. Plia komenca kurso en Kinna en preparo. Morariu gvidas ankaŭ daŭrigan kurson en *Ulricehamn*, por Ĉelernintoj de Jean Forge. Ĉiuj kursoj estas aranĝitaj de S-ro A. Emanuelsson, la energia prez. de « Verda Rondo » en Boras.

### Palestino

En Jerusalem jam de du monatoj okazas Ĉseh-kursoj, aranĝitaj de l'societo « Paco kaj frateco » kaj gvidataj de nia Viena sam-anino, S-ino Thea Kohn. La kursoj havas bonan sukceson.

# Kroniko

### Ĉinujo

Malgraŭ la konvulsioj de la politika situacio la paca klopodado esperantista *ne* haltas. Kursoj en Jünnan provinco; en Peiping, Kanton kaj Shanghai.

### Kanaria Insularo

En S-ta Cruz de La Palma kaj en Tazacorte 2 kursoj. Gvidas S-ro Pérez de Brito, D de UEA.

### Nederlando

Dum la jaro 1933 la du unuiĝoj « La Estonto estas nia » kaj « Nederlanda Katoliko » okazigis 12 ekzamenojn : 9 por Diplomo A kaj 3 por Diplomo B.

Por Diplomo A ekzameniĝis 595 kandidatoj, el kiuj sukcesis 421, t.e. pli ol 79 %.

Por Diplomo B ekzameniĝis 144 kandidatoj, el kiuj sukcesis 90, t.e. pli ol 62 %.

Dum la tuta jaro do ekzameniĝis 739 kandidatoj ; kio estas pruvo de vigla Esperanta vivo en nia malgranda lando, ĉu ne ?

(Frato Wigbertus van Zon, membro de la Ekzamena Komitato.)

### Palestino

De temp al tempo aperas modesta informo pri Esperanto el tiu ĉi lando, kie formiĝis la grandaj religioj. Laŭ la deklaro de Balfour, Palestino, refariĝis nacia hejmo de la hebreoj. La cionista organizaĵo plenumas programon de koloniigado kaj kulturigado. Interesa estas alia sukcesinta provo : La renaskiĝo de la klasika hebrea lingvo, jam mortinta dum la tempo de Jesuo Kristo, kaj hodiaŭ oficiala lingvo.

Nia movado en tiu ĉi lando ekkomencas. Venis Esperantistaj cionistoj kaj jam antaŭ dek jaroj ni havis Delegiton en Tel-Aviv, tiu novkreita urbo. Dank' al la penado de kelkaj pioniroj okazis en Jerusalemo, kongreso, 20-21 Januaro. Venis entute 50 personoj el la tuta lando. La kunvenoj okazis en la Lömel lernejo, kaj montris la kutiman bildon : Flagoj, entuziasmo, fervoro. La organizon prizorgis la grupo Paco kaj Frateco, sub la gvido de S-ro Lachovitzky, D de UEA. Kiel prezidanton oni elektis S-ron Ĥavkin, sesdekjaran samideanon kaj pioniron. Oni akceptis jenajn deziresprimojn :

1. Fondo de Tutmonda Hebrea Esperanto Asocio.
2. Fondo de Landa Asocio Palestina.
3. Kreo de oficiala organo.
4. Preparo de statuto por T.H.E.A.
5. Petskribo al la urbestro de Tel-Aviv nomi straton laŭ la kreinto de Esperanto. La venonta kunveno okazos en Tel-Aviv. (Laŭ raporto P. L., ekstrakto.)

### Portugalo

*Barreiro.* — S-ro Luzo Bemaldo, paroladis en Klubo 22 Febr. pri « Esperanto kaj ĝiaj scienca, literatura kaj pedagogia valoroj ». Bela festeno okazis poste en kiu toastis Esperante S-ino Gilberta Valerio, Bemaldo kaj Manuel Firmo, kaj en la portugala lingvo la Vicprezidanto de la Klubo, S-oj Martins Gomes da Silva kaj Saldanha Carreira.

*Lisboa.* — La Esperantista Sekcio de Touring Club de Portugal daŭrigas sian viglan propagandon interne kaj eksterlande. Nova kurso estas malfermita gvidota de nia Ĉefdelegito.

Ĝi estas la dua kurso kiu funkcias. En la lasta dumkristnaska leciono oni disdonis al la lernantoj, pro donaco de *Sociedade Industrial de Chocolates*, ĉokoladojn « Esperanto ».

### Svedlando

*Alvesta.* — H. Seppik faris lumbildparoladon pri sia hejmlando Estonio. 100 personoj. Interpretis S-ano F. Johansson el Blädinge. Kurso kun 38 kursanoj. S-ino Seppik kiel instruistino la 31. Jan.

*Falkoping.* — La kurso, kiun S-ino E. Seppik havis tie ĉi depost Novembro 1933 finiĝis la 27. Jan. per « publika ekzameno » kaj posta festo. En ambaŭ okazoj plena salono kaj bonega sukceso. En la festo oni honoris la instruistinon per bela donaco kaj floroj. S-ano Falck el Skövde faris majstran paroladon. La postan tagon 20 kursanoj absolvis-ekzamenon ĉe la Sveda Esp.-Instituto kaj okazis jarkunveno de la Skaraborga Esp. distrikto.

*Kvanum.* — Kursfina festo la 21. Jan. en ĉeesto de multaj gastoj el Skara kaj Falköping. Ĉeestis ĉirk. 200 personoj.

*Lessebo.* — La plej feliĉa loko en la tuta mondo, ĉar tie ĉi ekzistas neniu senlaborulo. Ankaŭ neniu esperantisto. Lumbildparolado de lektoro H. Seppik pri Estonio. Bonege interpretis S-ano P. Jacobson el Växjö. Kurso, kun 38 partoprenantoj. Laborista Kleriga Asocio aranĝas.

*Skara.* — La 20. Jan. finiĝas la kurso, kiun lektoro H. Seppik gvidis dum dec. kaj jan. Samtempe kun la kursa finfesto okazis jarkunveno de la loka klubo, kie interalie ĉefredaktoro de la loka gazeto kaj gesanoj Seppik estis elektataj honoraj membroj.

*Vaxjo.* — Kurso komenciĝis la 31. Jan. de lektoro Seppik.

## Brazila poŝto kaj Esperanto. Nova sukceso

En Nº 400 de nia revuo de Decembro 1933 ni povis anonci, ke, imitante Liĥtenstejnon kaj Hungarlandon, la Departemento de l' Poŝtoj kaj Telegrafoj de Brazilo eldonis serion da 20 kartoj kun bildoj kaj bildklarigoj en portugala kaj esperanta lingvoj. De post tiu publikigo la nomita departemento ricevis grandegan nombron da gratul-leteroj kaj -kartoj de esperantistoj el la tuta mondo pro tiu ĉi praktika paŝo. La Brazila Esperantista Ligo submetis al la departemento ampleksan materialon pri la reklama efiko de la eldono.

Sinsekve al la intertraktado pri daŭrigo de la klopodoj en tiu ĉi kampo, la Ligo jus sciigis nin, ke la Brazila poŝto decidis aperigi pluan serion da 36 kartoj, egalaj al la unua. La novaj kartoj montros bildojn el ĉiuj federaciaj ŝtatoj de Brazilo kun konformaj surskriboj en portugala lingvo kaj en Esperanto. Ni ankoraŭ sendos al vi pluajn detalojn post ricevo. La decido pruvas, kian gravecon praktikan la Brazila poŝto atribuas al la aplikado de Esperanto. Ni devas ĝoji pri tio kaj ĉiel akceli la iniciaton.

La Brazila Ligo, en kunagado kun UEA, Fako Eksteraj Aferoj, daŭrigas eltrovi novajn aplikeblecojn de Esperanto en tiu ĉi sfero. La realigo de alia propono povas esti atendata ĉiumomente.

Al niaj brazilaj samideanoj ni devas direkti elkoran gratulon pro tiu ĉi belega sukceso.

*Ni tre rekomendas al ĉiuj, kiuj publikigos ĉi tiun novaĵon, sendi 2 ekzemplerojn de la koncerna gazeto — titola paĝo kaj paĝo kun noto sufiĉas — al la Brazila Ligo Esperantista (Av. Marechal-Floriano, 212, Rio de Janeiro, Brazilo). Por ĉiu gazeto B.L.E. sendos kvitancon sur oficiala poŝtkarto.*

*Unu el la kolektoj de la gazetnotoj estos sendata kiel pruv-dokumentaro al la poŝta departemento. La havigo de l' dokumenta materialo estas ekstreme grava. Nepre helpu al tio*

Universala Esperanto-Asocio Fako : Eksteraj Aferoj.

# Turismo

La Pola Touring-Klubo en Warszawa, konsiderinte la valoron de Esperanto por propagando de turismo, fondis Esperantan Sekcion. La taskoj de la Esperanta Sekcio estos : propagandi Esperanton inter la membroj de P.T.K., propagandi polan turismon eksterlande helpe de Esperanto, aperigi artikolojn en la esperanta gazetaro pri la evoluo de pola turismo kaj pri aktualaĵoj de la pola vivo ; eldonadi esperantlingvajn prospektojn, broŝurojn, gvidlibrojn- kaj estontekonstantan gazeton esperantan.

Ĝis kiam la Esperanta-Sekcio ĉe P.T.K. ne havos propran esperantan gazeton, la oficiala organo de P.T.K. « Turysta i Auto » enpresigos sciigojn kaj informojn pri la Esperanto-Movado kaj speciale pri la turismo movado tutmonde.

Krome, la Esperanta-Sekcio ĉe P.T.K. okupiĝos : pri propagando de turismo alilanda en Polujo kaj pri informado al la pola gazetaro pri eksterlando ; pri interŝanĝo de polaj turistoj-esperantistoj kun aliaj landoj : La Esperanta-Sekcio ĉe P.T.K. : okupiĝos ankaŭ pri organizo de diversaj konkursoj internaciaj (detaloj sekvos en la venontaj komunikoj kaj en la esperanta gazetaro).

### Peto al la Tutmonda Samideanaro

La tutmonda Samideanaro estas petata kunlabori kun la Esperanta-Sekcio ĉe P.T.K. kaj helpi en la realigo de niaj planoj. Speciale ni turnas nin al la esp. redakcioj kaj eldonejoj kun peto alsendadi al ni eldonaĵojn. La Esperanto-Sekcio ĉe P.T.K. aperigos en la ĵurnalo « Turisto kaj Aŭto » kaj en aliaj polaj gazetoj raportojn kaj recenzojn pri laricevitaj gazetoj kaj eldonaĵoj ; kaj pere de komunikoj propagandos pri tiuj eldonaĵoj inter sia granda membraro : La Esperanta-Sekcio ĉe P.T.K. plej volonte informados ĉiujn demandantojn pri Polujo, pola turismo, pola arto kaj kulturo, pri la vivo en Polujo kaj pri ĉio alia konforme al demandoj.

Ĉiun korespondaĵon bonvolu direkti : Pola Touring-Klubo, Esperanta-Sekcio Redaktoro Antoni Pisarski, *Warszawa*, str. Kredytowa 5.

## Esperanto kaj filatelio

Aperas nova monata revuo por filatelio, interŝanĝo, korespondo. Oficialaj lingvoj la franca kaj Esperanto.

La gazeton, titolita « Valenciennes » laŭ ĝia naskiĝurbo, kreis la konata franca filatelisto Maurice Bouchez, kaj la jam aperintaj tri numeroj estas multpromesaj. Krom interesaj artikoloj ili enhavas anoncetojn de interŝanĝemuloj el ĉiuj anguloj de l' mondo.

S-ro Bouchez akceptis solvi la lingvan problemon laŭ la proponoj de S-ro inĝ. Centnerszwer, Del. de UEA kun la E-grupo de Valenciennes, kaj de S-ro Lienhardt, administranto de « La Tribune espérantiste ». Por krei simpation al Esperanto inter sia franclingva legantaro, Valenciennes regule publikigas varbartikolojn ĉerpitajn el « La T.E. », kaj rekomendas la studon de la helplingvo per la leterkursoj de « La T.E. » (informoj per la Adm. : 12, rue Pougin, Metz-Montigny.

Specimenon oni mendu (plejeble aldonante novan p.m. por simpla letero) skribante al S-ro M. Bouchez, B.P. 109, en Valenciennes (Nord).

## RADIO POLA: PRELEGOJ EN ESPERANTO (KRAKÓW: 304,3 m.; 986 K Hz.)

| Dato | Prelego pri : | Parolanto : |
|---|---|---|
| 7 Marto | Karaktero de l' pola popolo | D-ro Ad. Fischer, profesoro universitata. |
| 21 Marto | Marŝalo Pilsudski | F-ino Zofja Zawiszanka. |
| 4 Aprilo | Pola filozofia penso | D-ro Kas. Ajdukiewicz. |
| 18 Aprilo | Laboratorio por kontraŭbatali infektajn malsanojn | D-ro Rudolf Weigel. |

Rimarkoj : Dissendo el Krakovo, 22h daŭro ĝis 22,20.— Aŭskultantoj danku *Polskie Radjo, Warszawa.* Por eblaj informoj,demandoj pri tiuj regulaj dissendoj skribu al S-ro Tadeusz Hodawski, Polskie Radjo, Kraków. Profitu, uzu, konigu tiujn dissendojn

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ino Olöf Sveinsdottir, anino de UEA 18703, 12 Januaro 1934 en Rejkjavik, Islando, 78 jara. Lernis la lingvon en jaro 1901, jam 45 jara, loĝinta en izola kampa domo en Herdisarvik, sen lernolibro, per legado de esp. gazetoj. Fidela al bela idealo de homara progreso, bonkora kaj tre interesita al ĉio, kio tuŝas pacan celadon.

S-ro Paul Werner Kahle, Delegito de UEA en Eisenach, German., MA 22054, 3.I.1934.

S-ro Alessandro Mazzolini, Profesoro en Fano, Italujo, 16.I. 1934. Malnova samideano, ano de l' Lingva Komitato, Delegito de UEA jam de 1910, kunlaboranto de Esperanto kaj de aliaj esp. periodaĵoj, verkinto de aro da verkoj, precipe instruaj.

S-ino S. F. Stevenson, edzino de la Delegito de UEA, kaj F.B.E.A., en Stevenston, Skotlando, 20.I.34.

S-ro D-ro José Pinto Queiror de Magalhaes, Porto, Portugalo (Sen plia informo).

F-ino Hertha Lampe, anino 40327 en Los Angeles, lernantino de S-ro Scherer, 25.XII.1933, priplorita de ŝiaj korespondantinoj tutmondaj. (M. M.)

S-ro Rudolf Maske, DM de UEA n-ro 46, 78 jara, 30.XII.1933 en Rogozno, Polujo. Esperantiĝis dum la 4-a kongreso en Dresden 1908, fidela ano de esp. rondo de S-ino Hankel.

S-ro Johano Balkanyi — 27 jara frato de Paŭlo Balkanyi — en Budapest la 20.XII.1933 post sufera malsano. Kiel knabo ofte deklamis dum kunvenoj de la budapesta Hes-grupo kaj helpis tie al sia frato.

Al Ge-sroj Ŝapiro en Bialystok la sorto forprenis fileton Adamo, 23.I.34.

*Sinceran kunsenton !*

## La unua internacia foto-ekspozicio en Jugoslavio

*Ĝi estos aranĝota helpe de esperanto en Ljubljana.*

De 5a-27a de majo okazos en Ljubljana, la tria ĉefurbo de jugoslava ŝtato, grandstila internacia ekspozicio de fotoamatora arto. Ĝin aranĝos kaj preparos la fotoamatora klubo de Ljubljana. En la preparkomitato troviĝas inter aliaj ministro dro. Albert Kramer, urbestro de Ljubljana dro Dinko Puc, k pluaj artistoj kaj verkistoj.

Por ke la ekspozicio pli sukcesu, eluzis la preparkomitato ankaŭ esperanton. Ĝi eldonis varbprospekton en 6 lingvoj, inter kiuj troviĝas ankaŭ esperanta. Ĉe la ekspozicio kunlaboros esperanta klubo de Ljubljana.

Gesamideanoj — fotoamatoroj, postulu prospekton kaj sendu Viajn fotojn. Montru Vian disciplinon, helpu al esperanta lingvo kaj movado.

Ĉiujn informojn, kondiĉojn kaj eventualaĵojn Vi ricevos direkte ĉe : — *Foto klub, Ljubljana, Poljanski nasip 16, Jugoslavio.* — Oni korespondas en pluaj lingvoj.

## Oni dankas

*** S-ro Georg von Schmidt auf Altenstadt, DM de UEA en Aachen, German ; multe dankas al S-ro Delfi Dalmau, D en Barcelona, pro havigo de traduko en la ĉeflingvoj de novelo « La campanya del Maestrazgo » de Galdos, nehavebla tie ĉi malgraŭ multa esploro.

*** S-ro Ch. B. Ehrlich, Deleg. de UEA en Drohobycz (Pollando) esprimas sian tutkoran dankon al S-ro C.H. Bramkamp, Deleg. del UEA en Scheveningen (Nederlando) por afable kaj precize plenumita grava servo.

*** F-ino S. Cipera en Plzen (Pilsen) tre kore dankas al S-ro delegito Rag. Blasimme Ascenzio, en Roma, pro la ampleksaj afablaj konsiloj rilate la somera restadejo en Italio.

*** Delegito Lienhardt el *Montigny-lès-Metz,* Francujo, kore dankas al S-ro du Merton, porturisma delegito en *Londono* pro rapidegaj informoj (kaj havigo senprokrasta de enirbileto por la futbalvetludo Anglujo-Francujo) al neesperantisto ĝisnuna. Tiu lasta devis sperti ke UEA-servoj pli akurate kaj glate funkcias ol tiuj de du Oficialaj francaj Sportinstancoj, kiuj restis senefikaj.

*** S-ro A. K. Divekar, delegito de UEA en Bombay profunde dankas S-ron M. H. Vakil, M.A., LL.B., Vicprezidanto de la Indian Institute of Sociology pro senpaga uzo de ĉambro de la instituto por Esperantaj kursoj.

*** S-ro Jules Ginzburg, ano de UEA en Antwerpen dankas al la D de Shanghai S-ro Ĉen Ĉau Jin pro rapida plenumo de informpeto.

*** F-ino Minuŝka Mantlowna, Lwow, Polujo, korege dankas al f-ino Halina Weinstein, VD de Warszawa pro afablega, samideana subteno de nia membro S-ro Spiegel.

## Pilorio

Grandiĝanta movado kaj grandiĝanta maleblo perlabori sian vivbezonon, grandigas la nombron de helpopetantaj esperantistoj. Estas konata fakto, ke aro da bonkoraj samideanoj senbrue helpas laŭpove. Estas alia fakto, ke tiun helpemon oni misuzas. Estas la devo de bonorda organizaĵo priatenti kaj diskonigi la nomojn de tiaj personoj, kiuj misuzas servemon.

Jen plendo komunikita de F-ino Noll en Kopenhago pri iu *Petterson,* kiu petis monon, ricevis ĝin kaj malaperis mistere. Deklaris esti *sviso,* naskiĝinta en *Svedlando.* Parolas nebone Esperanton. — Ni kontrolis, sed ne povis ion trovi. Tamen relegante iun plendon de nia Vicdelegito en Lübeck, ni trovis nomon *Petereit,* Wilhelm. Tiu ĉi venis antaŭ iom da tempo al Ĝenevo, pagis sian kotizon (n-ro 39438) deklaris esti svisa civitano de Bern k.t.p. Je nia rimarko, kial li ne uzas la svisgermanan dialekton, li videble ĝeniĝis kaj aldonis, ke li ne naskiĝis en Svislando. Ni havis nenian kaŭzon rifuzi lian kotizon. Ricevinte plendon el Lübeck (sur detranĉaĵo de poŝtmandato, laŭkutima procedo interesperantista), ni tuj petis precizajn detalojn por komuniki al la polico. Respondo : Ne valoras ! Ni jam foje konstatis tiun fenomenon, ke tuj kiam la Centro deziras seriozan pruvon por entrepreni konforman klopodon, laciĝas la fervoro de la plendintoj. Je simpla diro, ke tiu aŭ tiu ĉi estas pendiginda fripono, aserto farita en nekonvena formo, ni ne avertas en la revuo. Sekve iom da precizeco kaj korekteco. Kaj konsilo : Bone observu antaŭ ol vi donas monon, laŭeble informiĝu ĉe la Centra Oficejo. Iafoje eĉ elspezo de 3-5 Frankoj por telegramo al ni, estas utile elspezita mono.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj :* L-letero ; PL-poŝtkarto ; PI-poŝtkarto illustr. ; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko ; Gaz.-gazeto ; k.ĉ.-kun ĉiuj landoj ; C.r.-certe respondos.

*Adelaide* (Sud-Aŭstralio). — S-ro J. Couche, Kensington Drill Hall, L., P.I., Fot-ajoj, k.ĉ.l. Nepre respondos.
*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95 (Box H. & P.) nur PM. Malrespondas bagatelojn.
*Amsterdam* (Nederlando). — La U.A.S.E. aranĝos en la fino de Aprilo letervesperon. Estas petata sendi poŝtkartojn kaj leterojn al la sekretario sro. W. J. van Eif, Stadionweg 237, Z.
*Antverpeno* (Belg.). — S-ro C. Severins, Touwstraat 22-I, PM., k.ĉ.l.
*Barreiro* (Portugal). — Manuel Antonio Casal, leterportisto, L. PI. C.r.
*Breslau X* (German). — S-ro D-ro phil. E. Eritsch, Benderplatz 4, L., PI., gaz., k.ĉ.l. precipe kun Turkujo C. r.
*Budapest* (Hungar.). — S-ro Karlo Glas, Tisza Kalman-tér 6-IV-54 nur PM. k.ĉ.l. C.r. 100 PM. kontraŭ sama kvanto.
Busseto (pr. Parma, Italujo). — S-ro Bottazzi Alissio. Esperanta kaj itala interstenoj, kun Sudameriko kaj Aŭstralio. Afranku filatelie kaj zorge skribu vian adreson.
*Boxholm* (Sved.). — S-ro Erik Blid, Lõnnkullen, por partoprenantoj de la daŭriga kurso L., PK., PI., C.r.
Cagliari (Italujo. — S-ro Antonio Murgia, Via Sulis 35 p. II., per itala intersteno. Afranku filatelie.
*Den Haag* (Nederlando). — S-ino de Bie, van Ostadestraat 292 simpla holanda sinjorino, kun intereso por ĉiuj demandoj de la vivo kaj tempo, dez. kor. kun S-inoj kaj F-inoj fremdlandaj.
*Felsőgallo* (Hungar.). — S-ro Johano Mészaros, fervoj-oficisto, L., PK., PI., pri div. temoj. PM. laŭ serio k.ĉ.l. C.r.
*Izieux* (Francujo, Loire). — S-ro J, Rouchouse, 1, rue Emile Zola, L PK kun eksterlandanoj.
*Kairo* (Egipto).— S-ro Risk Guirguis Malati, Anglo-American Nile Co., Shubra, L., PK., en angla lingvo.
*Kiel* (Germ.). — S-ro Franz Hager, pastro em., Hohenzollernring 48-II pri religio okulto, filozofio k.ĉ.l. C.r.
*La Jaluse*, par Le Locle (Svislando). — S-ro P. Humberset, instruisto PM. laŭ Yvert & Tellier, nur kun eŭropaj filatelistoj seriozaj.
*Letervespero* okazos 5an de Aprilo 1934 kaj ni atendas leterojn kaj poŝtkartojn el ĉiuj lokoj de la mondo. « La Tagiĝo Box 129, Boras, Svedlando.
*Lyon* (Francujo). — S-ro Daniel Prost, 3, rue Ney, PM, PI, bfl. k ĉ.l. C. r.
*Lyon* (Francujo). — Pro eraro aperis en Februara numero la nomo de S-ro Richard Levin por interŝanĝi. La anonco devis rilati al S-ro Rouchouse en Izieux (vidu supre al kiu S-ro Levin transdonis ricevitajn koresp-aĵojn.
*Moita do Ribatejo* (Portug.). — S-ro Luis Araujo Camilo, L., PI., C.r.
*Nõmme* (Estonio). — S-ro J. Sõeleht, Lossi 32-2, PM., amator. fotajojn k.ĉ.l.
*Port-Said* (Egipto). — S-ro Georgo Haddad, Poste Restante, periodaĵojn politikajn en angla, franca, hispana kaj itala ; Fotaĵoj.
*Rakosszentmihaly* (Hungarujo). — Mi ŝatus korespondadi kun anoj de 1, finn-ugra, ural-altaj (turanaj) lingvobranĉo pri la parenceco aŭ kun iu -ajn pri turismo, stenografio, cigana, kaj aliaj lingvoj, skribdeveno (alfabeto), fervojaj-fremdul trafikaj aferoj ; ŝatus ricevi reklam-afiŝojn pri fremdultrafiko-fervojoj, montregionoj ia-ajn presaĵojn urboj kaj regionoj. Teodoro Kovacs.
*Seattle* (Wash. USA). — S-ro R.C. Marble, 2708-47th S.W. kun etiopianoj precipe pri lingvistiko kaj filozofio. C.r.
*Stockholm*. — S-ro Ludvig L. Landin, avertas pri S-ro Svilainiŝ, Moletai, Videniska, Litovio ne-respondanta.
*Tallinn* (Estonio). — S-ro A. Põldots, Koidu 102-3, PM., k.ĉ.l.
*Uzhorod* (ČSR). — S-ro Ant. Jandik, učetni ty. Lanna, fil. — L., pri uzataj mezuriloj kaj disvastigo de uzado de metra sistemo.

## Petoj kaj Proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

*Akiru sen mono iujn ajn Esp-Librojn* partoprenante nian vastskalan, daŭran konkurson senpagan, al ĉiu alireblan !! (Valoras nur por franclingvuloj.) Skribu hodiaŭ al « Esperanto-Servo », 12, rue Pougin, *Metz-Montigny* (Mos.). — Aldonu respondspezojn.

*Atentu !* Ĝardenisto, germano 20 jara, kat, serĉas okupadon en eksterlando, prefere en Italujo aŭ Svisujo. Bonvolu helpi kaj skribi al : Gerhard Walter, *Langwasser-Löwenberg* Nr : 289, Greiffenberg i. Schlesien (Land.).

*Averto*. — S-ro Luigi Reni, Via G. Mameli 2, avertas ke jenaj personoj anoncintaj en *Esperanto* ne respondis : S-ro Miguel Luque, Apartado 228, Tenerife, Kanarioj. S-ro James Schnoerr, Str. de Lamas 3839, Montevideo.

*En ĉiuj franclingvaj regionoj* precipe en Okcident- kaj Sudfrancujo, Alĝerio kaj la francaj kolonioj, Belgujo, Svisujo, Kanado... ni serĉas helplingvospertajn gesamideanojn, kiuj bonvole akceptos fariĝi Kursgvidantoj por niaj lernantoj de Esp-o per Korespondado (franclingve). Elspezojn ni kompencas.
Detalojn petu, informante pri aĝo, profesio, instruiteco al la Adm. de La Tribune espérantiste, 12, rue Pougin, *Metz-Montigny*. — Vere etika kaj intersega laboro por Esperanto ! Malseriozuloj forrestu. — (Respondo nur kontraŭ kupono aŭ francaj p.m.)

*Kie vi ferios somere ?* Certe sub la suno sur la Riviero. Petu programon kun prezoj enkludanta ekskursojn al San-Remo (Italujo), Monte-Karlo, Monaco, Cannes, Grasse, ktp. de Internacia Hejmo Esperantista, Aspremont (A.-M.), Franclando.

*Religiaj informoj*. — Pastro Georges Ramboux, 5, rue Bayard, Paris-VIII[e], deziras interŝanĝon de religiaj informoj el ĉiuj landoj por gazetoj.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT: GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 156-3-34.